# LA STROBILO

KONGRESA KURIERO DE L' 70a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN AUGSBURG 1985

sub la aŭspicio de MONATO internacia magazino sendependa, Antwerpen/Augsburg

*Internacia redakcio sub gvido de Stefan Maul, Thomas Bormann kaj Paul Peeraerts*

N-ro 3
mardo, 6 aŭgusto


## LA TAGO DE LA PACO – BONE AKCEPTITA PREMIERO

### Memoro pri la unuaj ĵetoj de atombomboj en Japanio Elstaraj kulturaj programeroj

***Montriĝis, ke estis vere bonega ideo, aranĝi dum ĉi tiu UK apartan tagon dediĉitan komplete al la temo "paco" dum lundo. Kaj la memorkunsido aranĝita de japanoj gekongresanoj kaj la teatraĵoj prezentitaj pri la temo estis komplete sukcesaj. La preparintoj kaj agintoj meritas pro tio certe grandan laŭdon.***

Kvankam ne ĝustatempe alvenis la ekspozicio preparita de japanoj, la gekongresanoj jam de sabato povis rigardi la samteman ekspozicion aranĝitan de **Wolfgang Gutfleisch** kaj liaj lernantoj, kiuj ankaŭ prezentis lunde antaŭtagmeze la unuan eron de la paco-tago. Kvankam la teknikaj kondiĉoj en salono Zamenhof ne estis idealaj (aparte ĝenis la ofta en- kaj elirado de vizitantoj) kaj spite al tio, ke unu rolanto ne perfekte regis la lingvon, "La Ludo de la Paco" laŭ Bernard Benson akceptiĝis per granda atento de tre multaj kongresanoj. Precipe konvinkis la infanoj, kiuj kun tuta koro partoprenis en ĉi tiu mondpremiero de la Esperanto versio.

**Forta aplaŭdo dankis al ĉiuj geaktoroj, inter ili ankaŭ partoprenantoj de la Infan-Kongreseto.**

Vere elstare ludis la **Bulgara Esperanto-Teatro** la scenan version de la Brecht-novelo **La Aŭgsburga Kretocirklo** – mondpremiero eĉ en duobla senco: **Werner Frisch**, Brecht-esploranto de Augsburg, por teatro transformis la tekston de Brecht en germana lingvo, sed ĝis nun neniu prezentis ĝin sur scenejo; **Jomo Ipfelkofer** tradukis en Esperanton. La salono plenplena vere ĝuis la altkvalitan prezentadon kaj ne volis ĉesi la aplaŭdon. Efektive reĝisorino kaj ĉiuj geaktoroj meritas altan agnoskon.

Tion senrezerve ankaŭ agnoskis s-ro Frisch mem, kiu same ricevis fortegan aplaŭdon, kiam ĉe la fino li diris, ke la plej grava vorto en la Brecht-teatraĵo kaj ĝenerale estas – kaj tion vorton li, kiu ne scias la internacian lingvon, diris en pluraj lingvoj kaj fine en Esperanto: **paco**.

Mirinde, la ĉeestantoj en plenplena salono Grabowski eltenis malgraŭ varmego kaj malfruo ankaŭ por la tria ero en la serio de teatraĵoj: **La Pinto**, originale en Esperanto verkita de **Stefan Maul** por la UK. En la formo de satiro, parodio de televida elsendo tiu ĉi kabaredaĵo mokis pri la malarmaj konferencoj kaj malkaŝis – troige, kiel taŭgas en kabaredo – la verajn sintencojn de la registoj. Forta aplaŭdo ankaŭ dankis al la rolanto, en tiu ĉi teatraĵo, dum kiu oni ja multe ridis, sed povis ekkoni el la "ŝercoj" la seriozecon de la temo.

La memor-kunsidon pri Hiroŝimo kaj Nagasaki ĉeestis 120 personoj el 22 landoj. Esperantistoj el diversaj landoj raportis pri siaj porpacaj agadoj. La ĉeestantaro aprobis proponi al UEA kvar punktojn por la kongresa rezolucio. Unu el ili estas, ke "La Tago de la Paco" iĝu konstanta programo en la estontaj UK-oj.

Tiu ĉi propono sendube estas tre bona laŭ la entuziasmo kaj partoprenado de l' kongresanoj en la "premiera" pacotago.

## VENU, VIDU, VIGLU ...

### La 41a Internacia Junulara Kongreso allogis aparte multajn junulojn

Ni estis 420, aŭ iom pli (ni ne tro zorge kalkulis), la partoprenantoj de la 41-a IJK, kiu okazis en la Kastelo Eringerfeld, inter Dortmund kaj Paderborn, de la 22-a ĝis 29-a de julio 1985. Kaj ni venis el 32 landoj el 5 kontinentoj, al tiu kastelo agrable barokstila. Sed la kastelon ni preskaŭ ne vidis, krom dum la marŝado de unu konstruaĵo al l'alia de la lernejo kiu gastigis nin por la kongresa semajno. Nia temo estis "Junuloj inter revo, ribelo kaj rezignacio", ampleksa pritrakto de la sociaj kondiĉoj de la nuntempa junularo en la diversaj sociaj sistemoj de la mondo: ni priparolis niajn revojn pri homcelo, perfekta socio; ni priparolis niajn ribelojn al tiuj fortoj kiuj bremsas pliboniĝon de la homa socio por protekti sian povon; ni priparolis nian (foje) rezignacion vidante kiom niaj streboj, foje naivaj, foje koloraj, foje entuziasmaj, fiaskas en la atingo de la celo kiun ni fiksis. Ni priparolis ekologion, ni priparolis senlaborecon, ni priparolis vetarmadon; ni esploris nin mem, nian grupiĝemon, nian izoliĝemon, nian estontecon, la rilatojn inter ni. En tiu ĉi Internacia Jaro de la Junularo ni esploris nian planedon "Junoco", en la rilato al aliaj planedoj, kun kiuj ne ekzistu fendoj, sed kompreniĝo. Kaj (evidente) ni priparolis nian esperantistecon, kun ĉiuj en tio implicaj sociaj sekvoj: la esperantista komunumo, kiu dum la tuta jaro vivas pere de la multaj kunvenoj en ĉiuj mondopartoj, estigas socie interesegan homgrupon ligita per komuna lingvo, (parte) komuna kulturo, kaj tre malsamaj pensmanieroj, kiuj tie! harmoniiĝis sub komuna celo. Kaj, eĉ pli evidente, ni ludis, dancis, sportis, promenis, kafoklaĉis, ridis en bona etoso. Kaj ni kunsidis en Komitato, en Estraro, en Komisionoj, en rondoj, por antaŭenigi nian movadon; ni elektis novan Estraron (konsisto ĉi-sube), ni priparolis novan ampleksan Regularon de TEJO, kiu reformas la tutan asocian strukturon, modernigante kaj aktualigante ĝin. Kaj estis Internacia Vespero, preskaŭ kvinhora, kun prezento de pli ol 20 landaj grupoj, kiu kulminis en kataluna nokto, bunta, gaja, muzika, amika. Ni spektis magietosan filmon, "Koyaanisqatsi" (vorto el la lingvo de la nordamerikanaj indianoj Hopi, kiun oni prononcas kojaniskatsi, kaj kiu signifas "vivo forlasinta ekvilibron"), sed dialogoj, sed vekinta fortajn emociojn. Ni ankaŭ amuziĝis spektante la teatraĵon "La salva kantistino" de Eu-

*Daŭrigu sur paĝo 2*

## AKTUALE

**Vetero:** La somero paŭzetas, do hodiaŭ povas pluvi; sed poste nin atendas denove varmo.

**Hiroŝima:** 67 urbestroj el 23 landoj kunvenas hodiaŭ en Hiroŝima por protesti kontraŭ la nuklea vetarmado kaj proklami internacian interkompreniĝon. S-ro Araki, urbestro de la japana urbo, super kiu la 6an de aŭgusto 1945 eksplodis la unua atombombo, nomis sian urbon Hiroŝima "neniam finiĝinta admono por la estonteco de la homaro". – Dume konatiĝis, ke Paul Bergmann, la navigisto de la bomb-aviadilo, kiu ĵetis la atombombon sur la urbon Nagasaki la 9an de aŭgusto 1945, sin mortigis en sia loĝejo en Hollywood (Usono).

**Ĉilio:** La ĉilia junto lunde arestis 11 sindikatajn gvidantojn kaj 50 pliajn personojn, kiuj ĵus estis metintaj funebrajn florkronojn al la tomboj de tri funkciuloj de l' malpermesita komunista partio, kiuj mortis per kruela atenco.

**Bolivio:** Post multhora nokta debato la bolivia parlamento elektis lunde Victor Paz Estenssoro kiel novan ŝtatestron kontraŭ fortaj protestoj de l' anoj de eksdiktatoro Banzer, kiu en la balotoj en julio akiris 28,5 % de la voĉoj.

**FR Germanio:** Prezidanto Richard von Weizsäcker, Alta Protektanto de la 70a UK, volas instigi la germanajn kulturministrojn, akceli la instruadon pri paco en la lernejoj de la lando.

**Sovetio:** La parti organo "Pravda" postulis hieraŭ de la membroj "bataleman, celkonscian, apertan kritikon kaj memkritikon".



*Entuziasma viglo dum la rok-koncerto en la IJK: "La Mondanoj" kaj "Amoli (Ilo)" (sur la foto) zorgis por verva etoso ĝis post noktomezo.*

gène Ionesco, bona specimeno de la teatro de absurdo, kiun freŝe rolis kelkaj konataj membroj de LKK. Alia magia momento estis la prezento de siluet-teatro "La edziniĝo de la musino", kvazaŭfabelo japana. Ne okazis tuttaga ekskurso al iu difinita loko, sed estis aranĝitaj pluraj mallongaj ekskursoj al Paderborn; estis aranĝitaj pluraj biciklaj promenadoj en la bela ĉirkaŭaĵo; nin fakte ĉirkaŭis natura parko, kun multaj bestoj, kaj malmultaj aŭtoj.

Post la kongreso okazis pluraj aranĝoj, kiel bicikla restado al la UK en Augsburg (35 junuloj partoprenis!), restado ĉe kelkaj lokaj grupoj, kiel ekzemple tiu de Bonn; sed ni ne nur biciklis, ni ankaŭ naĝis, kuris, kaj "umis" plurmaniere en nia junulara internacia etoso. Elstara programero de la IJK, unuafoja okazintaĵo, estis iu longa rokkoncerto de du grupoj: la jam fama "Amplitiki" el Skandinavio, kun sia vasta repertuaro esperantlingva, kaj la berlina grupo "La Mondanoj", kiu plenigis tutan vesperon per vere bonkvalita moderna muziko. La spektantara partopreno, tute entuziasma, igis la vesperon simple perfekta, kaj tute simila al alia vespero, kiam mi ĉeestis rokkoncerton de Bruce Springsteen, eble la plej konata rokmuzikisto de la mondo. Tio estas plia pruvo ke la esperanta kulturo jam delonge atingis kvalitnivelon, kiu plu nenion havas pro envii al la "nacilingva" kulturo. Kadre de la IJK en Eringerfeld estis prezentita la venontjara IJK, la 42-a, kiu okazos en Neŭrim en Israelo, inter la 14-a kaj 21-a de aŭgusto 1986: rapidu, jam eblas aliĝi!

La estraro de TEJO jam akceptis inviton de Pola Esperanto Junularo por aranĝi la 43-an IJK en Krakovo, bela historia pola urbo, inter la 17-a kaj 24-a de julio 1987, dum la Jubilea Jaro, al kiu la junulara movado dediĉis apartan atenton, starigante apartan komisionon por tion prilabori.

Nu, ĉu mi resumu en malmultaj vortoj la 41-an IJKn? Jen: bedaŭrinde por tiuj kiuj ne ĉeestis!

Norberto Saletti

**Nova Estraro de TEJO**

Prezidanto, Jubilea Jaro: Ian Jackson (brito loĝanta en Hongkongo);
Generala Sekretario: Jan Koszmaluk (Pollando);
Kasisto, Observanto ĉe UEA: Alex Humet (kataluno loĝanta en Belgio);
Unua Vicprezidanto, Landa Agado: Marie Vančurova (Ĉeĥoslovakio);
Dua Vicprezidanto, Kongresoj: Martin Haase (FR Germanio);
Estrarano pri eksteraj rilatoj: Elisabeth Schwarzer (FRG);
Estrarano pri kultura kaj faka agado: Norberto Saletti (Italio);
Estrarano pri aktivula trejnado: Jaroslaw Parzysek (Pollando)

## SEMAJNO DE MUZIKO, DISKUTOJ KAJ GAJO

## 53a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj

**La kongreso okazis de la 27a de julio ĝis la 3a de aŭgusto en Augsburg kun 148 partoprenantoj el 17 landoj. Dum la malfermo, kiun partoprenis ankaŭ la ĉefurbestro de Augsburg, oni jam aŭdis belan pianomuzikon luditan de partoprenantoj.**

Poste John Wells parolis pri la temo "Handikapuloj en la socio - kelkaj politikaj pensoj". Kune kun la partoprenantoj de la ekumena kongreso oni ĝuis folkloran koncerton.
La 29an de julio oni diskutis en la ĝeneralkunveno de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (LIBE). Posttagmeze la sekretario de la Bavara Blindulasocio prelegis pri la situacio de blinduloj en FR Germanio. Poste Adam Goralski parolis pri la signifo de la "fondaĵo A. Grabowski". Vespere J. M. Ipfelkofer parolis pri "Augsburg - dumiljara urbo".
La 30an de julio antaŭtagmeze gesinjoroj Schmic kaj Maul kaj s-ino Vitalyos gvidis tre interesan rondveturadon tra Augsburg. Posttagmeze Theodor Speckmann parolis pri Johann Sebastian Bach kaj ties muziko kaj aŭdigis kelkajn ekzemplojn. Raymond Gonin rakontis pri la strukturo de la vaska lingvo. Vespere la blovinstrumenta orkestro "Aŭgsburga Kvinteto" ludis por la kongresanoj.
La 31an de julio la tuttaga ekskurso gvidis nin unue al la fama preĝejo Welfenmünster, blinduliferiejo en Saulgrub kaj posttagmeze sekvis gvidado tra la pasion-luda domo en Oberammergau. Vespere LIBE havis eksterordinaran kunsidon pri la jubilea jaro de Esperanto.
La unua de aŭgusto komenciĝis per prelego de Werner Bormann pri lingva evoluo kaj la Akademio de Esperanto. Sekvis Elsbeth Bormann per "Esperanto por Eŭropo". Posttagmeze Ursula Felhölter parolis kaj respondis demandojn pri la Esperanto-junularo okaze de la junulara jaro. Vespere kune kun la ekumena kongreso ni rigardis la teatraĵon "La Pacoludo". "Gastoj demandas, gastigantoj respondas" estis la temo de la posta programo. Fakte venis interesaj demandoj ĉiuspecaj.
La 2an de aŭgusto okazis ĝeneralkunveno de LIBE. Sekvis N. Ložajić per "Tradicia kaj scienca traktado de sonĝoj". Posttagmeze Richard Schulz legis poeziaĵojn.
La kongreso aprobis rezolucion sendotan al diversaj blindulorganizaĵoj cele al disvastiĝo de Esperanto inter la blinduloj. Per solena fermo finiĝis la 53a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj. Dum la posta gaja vespero kun muziko oni povis danci kaj babili.
Oni povis konstati, ke malgraŭ la densa programo kongresanoj trovis sufiĉe da tempo por gaje babili kaj serioze diskuti. Do oni povas diri, ke estis ege sukcesa aranĝo, ankaŭ pro la hotel-personaro, kiu ĉiam klopodis plenumi niajn dezirojn!

Franz Spielmann



*La ĉefurbestro de Augsburg, Hans Breuer, salutas la partoprenantojn de la blindula kongreso.*

### KONGRESA TEMO

La unua kunveno pri la kongresa temo konstatis, ke atribui bonon al moderno kaj malbonon al antikvo estas unu el la fundamentaj eraroj de l' nuntempuloj. Oni ne ruinigu por konstrui la novaĵon; sufiĉas modifi la havatan, konservante ties avantaĝojn. La homo detruis grandegan parton de la vivdona bazo de la naturo; necesas pli atente konservi la ceteran; por tio necesas ankaŭ la ideologiaj konceptoj.
Oni daŭrigos merkrede je la 16.30 h en salono Grabowski. Venu, se vi havas tem-koncernajn ideojn. Aparte interesa estos via propono rilate la Esperanto-movadon. tt

### KONSTRUI ESTAS MALFACILA

Hodiaŭ vi povas aprezi vortfaradan teorion, kiu ne estas nura parafrazo de la oficiala. Petu "Skizo por racia teorio de vortigado" ĉe la libroservo!

### Programŝanĝo Info-Servo/Homarana Asocio

**Anstataŭ interparolado** pri homaranismo dum la kunsido de Info-Servo, mardon je la 17-a en salono Einstein, okazos **publika sinprezento** kaj la **unua jarkunveno** de la nova **Homarana Asocio (HA).**

Zamenhof, la iniciatinto de la homaranismo, diris: "Lingvo internacia havas la celon, krei inter la gentoj neŭtralan ponton en rilato **lingva**; la homaranismo volas krei tiun saman ponton en **ĉiuj** rilatoj. La homaranismo estas nur plifortigita esperantismo."

HA volas studi, instrui kaj disvastigi tiun homaranismon. Ĝi volas **science** trakti ĝin kiel "teknologion pri la konstruado de interkiaj kaj emociaj pontoj." Ĉiuj sciencoj pri la psiko kaj la konduto de la homo estas ĝiaj helpsciencoj.

Krome HA volas esti hejmo interalie de ĉiuj homoj, kiuj interesiĝas pri la religiaj tendencoj de la homaranismo kaj/aŭ pri la homaranismaj tendencoj de la altreligioj. Tamen tiu interesiĝo tute ne estas deviga por ĉiuj membroj de HA.

HA deziras kunlabori kun UEA. Ĝi agnoskas, ke UEA devas resti esperantista organizaĵo, ke ĝi ne povas fariĝi homaranisma. Ĝuste en tio kuŝas la ekzistorajto de aparta homaranisma organizaĵo.

### SUPLEMENTO DE LA ADRESARO

*aperos hodiaŭ dum la tago*

*Germanismo*

*La noktmezaj redaktantoj de LA STROBILO petas pardonon pro lingva eraro en n-ro 2, en kiu oni parolas pri "orkano" anstataŭ pri uragano; orkano evidente estas germanismo.*

### SPECIALA OFERTO

La estraro de la ekspozicio tute apud la kongresejo AUFBRUCH INS INDUSTRIEZEITALTER (Komenco de l' Industri-Erao) invitas la UK-anojn viziti la ekspozicion je reduktita enir-prezo de 2,50 DM. Certe indas rigardi ĉi tiun interesan kaj altkvalitan ekspozicion.

Pro nedeca eluzo de nia unusola pianistino ni nepre serĉas piano-akompanon inter la kongresanaro. Certe iu kapablas ludi pianon por akompani kanzonojn el la Trigroŝa Opero de Bert Brecht, kiujn Susanna Castel volas prezenti okaze de la Internacia Arta Vespero vendrede je la 20a horo.

**Karaj geesperantistoj tutmondaj!**

Kiel vi supozeble jam scias el la kongreslibro, LKK volas aranĝi publikan spektaklon en la bela etoso de la urbodoma placo de Aŭgsburgo. Ni intencas prezenti al la publiko
> internaciajn kantojn mondvaste konatajn,
> salutvortojn de kongresanoj el ĉiuj kontinentoj, speciale kiel gratulon al la urbo okaze de la 2000jara jubileo kaj pro la Aŭgsburga Pacofesto okazonta unu tagon poste,
> intervjuetojn kun vi, ĉarmaj gekongresanoj el ĉiuj landoj, folklore vestitaj kaj ĉiuj ajn,
> eble komunan kantadon sub gvido de Dimitr Terziev.
LKK kore invitas vin.

JOMO

# LA STROBILO

KONGRESA KURIERO DE L' 70a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN AUGSBURG 1985

sub la aŭspicio de MONATO internacia magazino sendependa, Antwerpen/Augsburg

*Internacia redakcio sub gvido de*
*Stefan Maul, Thomas Bormann kaj Paul Peeraerts*

N-ro 4
merkredo, 7 aŭgusto


## Pli ol 200 kongresanoj ĉe la urba akcepto

**Hieraŭ posttagmeze la ĉefurbestro de Augsburg, Hans Breuer, akceptis pli ol 200 kongresanojn en la urba domo.**

En sia parolado li klarigis ke tiu urbodomo kaj multaj aliaj konstruaĵoj en la 2000-jara Augsburg estis konstruitaj en la unuaj jardekoj de la 17-a jarcento kaj ankoraŭ hodiaŭ karakterizas la vizaĝon de la urbo kun sia renesanca arto. Tuj post tiu epoko de konstruado la 30-jara milito skuis la tutan centran Eŭropon. En 1650, du jarojn post la fino de tiu kruela milito, la aŭgsburganoj unuafoje celebris la "pacofeston". Depost tiam la anoj de la protestanta eklezio denove rajtas libere apliki siajn ceremoniojn. La pacofesto do estas signo de toleremo kaj ankaŭ por la nuntempo havas sian valoron, precipe koncerne la rilaton al la multaj eksterlandaj kuncivitanoj.
Breuer emfazis, ke tiu individua toleremo inter "simplaj civitanoj" estas la plej grava antaŭkondiĉo por la "granda paco". Kaj ĝuste tiun harmonian kunekzistadon inter homoj de diversaj originoj kaj opinioj Breuer observis ĉe la Universala Kongreso, kie 2300 personoj el 58 landoj pruvas, ke eblas harmonia interrilatado en internacia skalo. Tiel la UK estas unu el la elstaraj eroj de la ĉijara celebrado de la aŭgsburga pacofesto kaj valora pliriĉigo de la programo de la granda jubileo de Augsburg.
Post tiuj saĝaj vortoj de la urbestro la prezidanto de UEA, s-ro Gregoire Maertens, dankis per mallonga parolado. Sekvis salutmesaĝoj de la urbestroj de Amagasaki el Japanio kaj Bourges el Francio, ambaŭ ĝemelaj urboj de Augsburg.

### Publika spektaklo

La vetero ŝajne ne ŝatas la publikan manifestacion, kiun ni planis por hodiaŭ. Se la vetero estos agrabla, ni festos nian spektaklon sur la urbodoma placo. Ni volas kanti, muziki, saluti la 2000jaran urbon, oferti paco-dezirojn okaze de la Augsburga pacofesto, kiu okazos la 8an de aŭgusto.
Se tamen la vetero ne plibeniĝos, ni faros festeton en la kongreseja vestiblo. Kunportu bonhumoron, muzikilojn, belajn voĉojn, surmetu viajn folklorajn kostumojn, preparu jubileajn kaj porpacajn salutvortojn al la urbo. **Venu ĉiuj al nia komuna festo!**

### Programo de la MUZIKA VESPERO

**merkredo - 20a horo**

**Anni Wiesmann**: Mi donos min (La Dubarry - Mackeben)
**Ludwig Fluck**: Volgo-Kanto (La Filo de l' Caro - Lêhar)
**Bêby Kohl**: Vilja Kanto (La Gaja Vidvino - Lêhar)
**Wiesmann/Fluck**: Ho, kiu ligis min (La Cigan-barono - J. Strauß)
**Galja Kostova-Toteva**: Knabino (Hristov), Ario de Silva (Reĝino de Ĉardaŝ - Kalman), Ario de Dolores (Andalusia - Lopes)
**Jana Cikalova**: Popolaj kantoj el Romanio kaj Bulgario; Ario Belega Helena
**Bêby Kohl**: Flustru min pri am' (Jean Lenoir)
**Ludwig Fluck**: Malhelruĝaj rozoj (Gasparone - Millöcker)
**Anni Wiesmann**: La cel' de la viv' (Knabinoj en blanko - Mackeben)
**Kohl/Fluck**: Donac' de Rozoj en Tirol (La Birdo Vendisto - Zeller)
**Veselin Damjanov**: Al niaj veteranoj; Gradu la Pacon (A. Grigorov/V. Damjanov); Kalinka (rusa popolkanto); Ario Danilo (La Gaja Vidvino - Lênar)
**Maria Angelova/V. Damjanov**: Dueto Silvia i Edvin (Reĝino de Cardaŝ - Kalman)
Piano: **Erika Becht**

### AKTUALE

**Vetero:** Post pluvotago hodiaŭ nur pluvetos. Por la morgaŭa ekskursa tago oni antaŭvidas jam denove iom da subrilo.
Hieraŭ en Aŭstrio kaj suda Bavario regis katastrofaj veteraj cirkonstancoj. La transalpa Brenero-aŭtoŝoseo kaj ankaŭ la fervoja linio al Italio estis blokitaj por pluraj horoj; la urbon Innsbruck en Tirolo minacis inundo, kaj la Großglockner-pasejo estis fermita pro n e ĝ o. Pro ŝtormo, forta pluvo kaj fulmotondro okazis pluraj akcidentoj.
**Aŭstrio:** Post la skandalo pri aŭstraj kaj germanaj vinoj oni nun ankaŭ avertas kontraŭ vinber-sukoj el Aŭstrio. En la trinkaĵoj troviĝas di-etilenglikolo en dozoj kiuj estas vivdanĝeraj por infanoj kaj malsanuloj je la renoj.
**Britio:** La aŭskultantoj kaj spektantoj de la brita radio kaj televido hodiaŭ ne povas aŭskulti novaĵelsendojn. La ĵurnalistoj strikas por protesti kontraŭ decido de la plej supera organo de la brita televida kompanio BBC ne permesi la elsendadon de dokumentara filmo pri la problemo de terorismo en Norda Irlando.
**Afganio:** La plej nova ofensivo de sovetiaj kaj afganiaj registaraj trupoj kontraŭ islamaj ribeluloj ne povis rompi la reziston.

**ATENTU!**

*Dum ĵaŭdo, 8 aŭgusto, pro la pacofesto en Augsburg ĉiuj oficejoj, butikoj kaj vendejoj ne deĵoras. Se vi bezonas ion, do nepre aĉetu jam hodiaŭ.*

### NI GARDU BONE NIAN TERON!

*Celenda estas ampleksigo de nia statuto per ekologia amendo, ĉar neŭtraleco sen ekologia bazo aŭ estas mensogo aŭ ne ekzistas!*

*Se vi volas informiĝi pri la tiurilata argumentado, bv. veni postmorgaŭ, vendredon, je la 9.00 h al salono Grabowski.*

*La temo:*

EKOLOGIO KAJ LA ESPERANTISTA KOMUNUMO

### Interparolad-rondo

ĵaŭde, 8-8-85, 15 h

**Junularmovado kaj kooperativoj**
Loko: Bürgerhaus, Kressiesmühle, Barfüsserstr. 4 (Mehrzweckraum).
kun: F. Schwarzbecker, urba konsilisto. Venos ankaŭ partoprenantoj de memadministrataj entreprenoj en Augsburg, de "netzwerk" (retasocio) Nordbaden, de internacia komunikilo-centro Elmstein, de esperantistaj kooperativanoj.

### Rendevua tabulo

Bonvolu ne ŝanĝi la lokon de la kongresnumeroj aŭ pendigi ion ajn sur la rendevuan tabulon. Bv. nur forpreni vian propran kongresnumeron kaj veni kun ĝi al la giĉeto "Rendevua tabulo".

### Programŝanĝoj kaj -aldonoj

**Vendrede:** je la 12.00 h. okazos en salono **Wingen** la fakkunveno de la esperantistaj filologoj.
- inter 17.30 kaj 18.30 h. en salono **Ziegler** fondkunveno de Esperantistaj Lingvosciencistoj. Gvidos P. Hopkins.
- inter 14 kaj 15.30 h. en salono **Cseh**: "Agado en Srilanko". Gvidos S. Keller.

### Plia teatra vespero ĵaŭde

Pro ĝia jama granda sukceso la Brecht-teatraĵeto "La Aŭgsburga Kretocirklo" estos prezentita ankoraŭ unu fojon.
Samvespere ni esperas povi prezenti la prokrastitan ombropupteatron "La edziĝo de la musino". La prezentaĵoj komenciĝos ĵaŭde je la 19-a horo en salono Grabowski.



*Sceno el la ekumena kongreso, kiu okazis en la semajno antaŭ la UK en Aŭgsburg (raporto sur la dorsa flanko).*

## VARIA MANIFESTADO DE AKORDO

### 6-a Ekumena Kongreso kun rimarkendaj rezultoj

**Al la 6a Ekumena Esperanto-Kongreso en Augsburg aliĝis 143 ge-kristanoj el 20 landoj. Ili loĝis kaj debatis en Kolpinghaus*, kie ekzistas bonegaj kondiĉoj por atingi komunecon ankaŭ en preĝado. Tial la tiutempa iniciato de Stefan Maul kaj de Jacques Tuinder refoje estis realigata per esencoplena enhavo.**

En la nomo de siaj samkonfesianoj ĉefrolis pastoro **Adolf Burkhardt** kaj pastro **Bernhard Eichkorn**, kies harmonia kunlaboro donis rimarkendajn rezultojn. La alvenintoj - plejparte membroj de KELI kaj IKUE - per debatoj, diskutrondoj, grup-laboroj kaj per komuna preĝado transpaŝadis la limojn de siaj religiaj ritoj; la ĉantado** ĉiutage ligis ilin en spirita unueco.

La jus esperantigita D e k r e - t o p r i l a e k u m e n i s - m o ce Paŭlo 6a estis fundamenta dokumento, laŭ kiu oni laboris. Prelegis **Walter Mudrak, Guido Holz, B. Eichkorn, Angelo Duranti, A. Burkhardt.** Okazis katolika, protestanta kaj ekumenaj diservoj (ankaŭ kun partopreno de aŭgsburgaj paroĥanoj).

Max Josef Metzger (katolika sacerdoto, pioniro de ekumenismo, esperantisto, kiu vivis en 1887-1944 kaj estis murdita de hitleranoj pro siaj konvinkoj) estiĝis la spirita patrono de la nuna kongreso. En Meitingen, proksime de Augsburg, li fondis ekumenan instituton, kiun oni ankaŭ vizitis. El la vizitoj elstaras tiu en Dachau (pron. Daĥaŭ), kiu skuis la spektantojn: en tiu hitlera koncentrejo rekordis la viktimoj pol-devenaj, sed inter la dekmiloj estis preskaŭ ĉiuj nacioj. Ondire pastro kaj komunisto, ĉiutage riskante vivon, okupiĝis en la koncentrejo pri Esperanto.

La ideo de ekumenismo, kvankam dokumentita jam de pli ol 20 jaroj, ankoraŭ ne hejmiĝis en la konscio de l' plejparto. Kiel tio okazas pri aliaj nobla aspiroj, ĝi estas pli facile deklarata ol praktikata. Des pli emfazenda ŝajnas la peno de la kongresanoj, kiuj tiel varie manifestis sian akordiĝon spite al siaj ritoj, spite al siaj antaŭjuĝoj.

En Aŭgsburgo estas multaj vizitendaj lokoj; aparte tion meritas tiuj, kie aktivis kaj kreis **Martin Luther.** Por multaj kongresanoj evidentiĝis instrue kaj malkovre, ke ekzistas benkoj uzeblaj dudirekte depende de l' konfesio; ili materiigas la ideon de ekumenismo.

En la programo oni ankaŭ studis la M a l g r a n d a n K a t e k i s m o n de la aŭgsburga konfesio, lernante la diferencojn kaj trovante la surprizajn similecojn.

Okaze de la kongreso aperis kelkaj valoraj eldonaĵoj: krom la menciita dekreto pri ekumenismo: Eta Sabat-Dimanĉa Breviero (multaŭtora), papa encikliko Pri la homa laboro, Te ro kaj ĉielo kantu (kantlibro) kaj kelkaj flugfolioj. T.T.

* Pastro Kolping instigis en la 19a jarcento la laboristaron defendi siajn rajtojn kaj akiri sociajn faciligojn; nuntempe ekzistas en Germanio kaj alilande tuta reto de eklezia institucioj tiucelaj.

** ĉanti = kanti psalmojn kaj kantikojn.

## Landa listo de kongresanoj 1789 ĝis 2004

**Aŭstralio**
Gassner 1939

**Belgujo**
Cwik 1940
Delhaye 1962
Lavreysen 1963
Roose 1923
Roose 1924
Stock 1926
Tammaveux 1947
Verdière 1888

**Brazilo**
Hiljewski 1946

**Britujo**
Hughes 1834
Ibbotson 1983
Kershaw 1982
Phillips 1807
Roberts 1835
Thomas 2000
Wesley 1836
Wesley 1837

**Bulgarujo**
Adamova 1709
Beleva 1965
Dakovska 1968
Davidova 1971
Goranova 1966
Ivanov 1975
Jurukov 1977
Klasurov 1970
Kostova Tureva 1919
Lukanova 1967
Marinska 1974
Markov 1964
Nikov 1989
Staneva 1927
Urunov 1976
Uzunova 1972
Vâlova 1973
Zjumbjuleva 1978
Zlatarev 1969

**Ĉeĥoslovakio**
Mikesvi 1749

**Ĉinio (Tajvano)**
Mora III 1843

**Danlando**
Thoma 1829

**Finnlando**
Bergman 1676
Dahlman 1960
Jaakkola 1875
Juvani 1812
Juvani 1915
Kato 1814
Kivekäs 1961
Mäki-Luopa 1879
Nokka 1877
Pietiläinen 1913
Rusi 1915
Rusi 1960
Rusko 1810
Salonen 1959
Soini 1916
Soini 1988
Yrttiaho 1917

**FR Germanujo**
Bauer 1954
Bruder 1943
Bühl 1946
Bünemann 1991
Bussing 1992
Cerda Aguilar 1880
Conzelmann 1928
Dirscherl 1990
Dunbar 1990
Ehrmantraut 1944
Eder 1896
Eubeler 1993
Gude 1945
Günzel 1849
Hauke 1797
Hasspenthal 1885
Hellmuth 1810
Hilger 1723
Hoen 1886
Horberg 1732
Jochmann 1948
Kammer 1852
Kho 1994
Klepp 1942
Köhler 1925
Kohlmann 1853
Lochen 1887
Lumsden 1828
Maier 1796
Matthees 1851
Maul 1952
Meyer 1780
Niesert 1998
Nissen 1888
Perkins 1996
Pittman 1997
Pohl 1941
Pulman 1930
Ranft 1868
Reisel 1794
Rössel 1795
Roscher 1805
Rössler 1950
Rössler 1951
Salzmann 1995
Schaller 1838
Scheffel 1979
Schlottbom 1927
Schöttler 1882
Seefeld 1947
Steudte 1897
Strasser 1949
Steinbock 1882
Uebags 1941
Weiss 1926
Wieser 1830

**Francujo**
Albach 1802
Albach 1808
Bessong 1882
Bessong 1895
Bessong 1858
Bary 1852
Chaluinas 1929
Clabaut 1931
Companys 1980
Dellac 1825
Faugère 1821
Faugère 1833
Gilbert 1854
Gimenez 1981
Hérin 1801
Hérin 1854
Kiss 1863
Lodan 1800
Ladang 1830
Proud'Hom 1930
Queveilles 1860
Tura 1887

**Germana DR**
Seemann 1953

**Grekiando**
Dionysios 1808
Patmu 1811
Pontika 1819
Vranzaki 1809
Zaleni 1812

**Hispanujo**
Camacho Cordon 1999
Roca Cerdillas 1892
Roca Ruart 1860
Roca Ruart 1891
Roca Rose 1890

**Hungarujo**
Bechi 1813

**Irano**
Mossallah 2002

**Israelo**
Solomon 1888

**Italujo**
Afonso 1814
Angeletti 1858
Angeletti 1809
Boscone 1984
Bottegoni 1778
Bozzini 1903
Castel 1815
Cimon 1838
Clerici 1840
Cosenza 1932
Cingale 1900
Da Costa 1865
Da Costa 1867
Gazzelli 1934
Lanzardelli 1900
Maier 1800
Mondella 1902
Pane Sea 1904
Sarandrea 2001
Seu 1905
Sgorlon 1933

**Japanujo**
Asada 1907
Martini 1878
Miyamoto 1906
Naruma 1880
Nakano 1869
Sakuda 1954

**Jugoslavio**
Rovid 2004

**Kanado**
Anisfeld 1891

**Nederlando**
Ekmann 1872
Pieper 1873
Pieper Bugel 1871
Pohlmann 1818
Roll 1817

**Norvegujo**
Melå 1935

**Pollando**
Ĉernyevsky 1841
Durys 1840
Miklasz 1936
Fazzyanek 1874
Podhanka 1938
Samula 1937
Sidoruk 1986
Verdens 1792
Zdziebilk 1985

**Rumanujo**
Tonny 1909

**Svedujo**
Axelsson 1956
Hultqvist 1987
Jonasson 1957
Kim-Lindblom 1844
Mejary 1955

**Usono**
Ancona 1918
Colligan 1922
Culbert 1824
Culbert 1825
Helmuth 1818
Helmuth 1819
Kirkwedge 1821
Manson 1820
Manson 1822
McCoy 1885
Peterson 2003
Pettu 1880
Petta 1921
Pierson 1919
Pulley 1823
Warner 1920

**La granda kvanto de novaliĝoj al la kongreso sukcesis ankaŭ konfuzigi la redaktantojn de "La Strobilo". Sube ni publikigas la adresojn de kongresanoj 1913 ĝis 2004 kiuj forfalis el nia listo, kaj tiujn de la plej laste aliĝintaj.**

### K o r e k t o

La ĝusta nomo de kongresano n-ro 2221 estas: **s-ro Bronislaw Kieres**

LA STROBILO ne aperos en ĵaŭdo (ekskursa tago). N-ro 5 de l' Kongresa Kuriero do aperos en vendredo, 9 aŭg.

2305 mria-i **Angelova,** s-ino **Maria,** str. Prohlado 26, BG-1619 Sofia, Bulgario

2306 **Büsche, s-ro Rudolf,** Mathildenstr. 11, D-6500 Mainz, FR Germanio

2307 hlaf-r **Lafargue,** s-ro **Henri-André,** 5 allée Cassard, F-44000 Nantes, Francio

## SUPLEMENTO DE LA ADRESARO

1913 pikk-s **Pietiläinen, S-ro Jukka,** Puutarhakatu 12 B 18, SF-40800 Jyväskylä, Finnlando
1914 karo-j **Karo, S-ro Eero,** Hovioikeudenkatu 2, SF-20500 Turku 50, Finnlando
1915 laya-j **Juvani, S-ro Lauri,** Brahenkatu 9 A, SF-20110 Turku 11, Finnlando
1916 kaiso-d **Soini, F-ino Mia,** Kastaistentie 31, SF-20310 Turku 31, Finnlando
1917 yrtt-b **Yrttiaho, S-ino Mia,** Loviisankatu 2 A 5, SF-15100 Lahti 10, Finnlando
1918 ance-w **Ancona, S-ino Francesca,** 3170 Lake Hollywood Dr., Los Angeles CA 90068, Usono
1919 lrpi-h **Pierson, Lurisa Dawn,** 5 Fairfield Rd., Framingham MA 01721, Usono
1920 lizw-p **Warner, S-ino Liz,** 1730 Peregrino Way, San Jose CA 95125, Usono
1921 pete-e **Petta, S-ino Erika,** P.O. Box 956, Rio Hondo TX 78583, Usono
1922 socc-v **Colligan, Sharon Catheryn,** 63 Brewster Rd., Sudbury MA 01776, Usono
1923 mlro-y **Roose, S-ino Marie-Louise,** G. Gezellelaan 6, B-8000 Brugge, Belgujo
1924 rmou-i **Roose, S-ino Rose-Anne,** G. Gezellelaan 6, B-8000 Brugge, Belgujo
1925 anko-e **Köhler, S-ino Anneliese,** Lindenstr. 25, D-5830 Schwelm, FR Germanujo
1926 iwei-d **Weiss, S-ino Inge,** Geigelsteinstr 18, D-8200 Rosenheim, FR Germanujo
1927 kbsc-k **Schlottbom, S-ro Karlheinz,** Am Birkenkamp 28, D-4030 Ratingen 5, FR Germanujo
1928 rcon-g **Conzelmann, S-ro Robert,** Postfach 13 03, D-7440 Albstadt 2, FR Germanujo
1929 cllu-m **Chaluinas, S-ro Michel,** 1508 ave de la Mer, F-83140 Six Fours les Plages, Francujo
1930 irpr-h **Proud'Hom, S-ino Irma Luiza,** 114 rue de l'Aniel, Maraussan, F-34370 Cazouls les Beziers, Francujo
1931 rosc-il **Clabaut,** S-ro Robert Alexandre, 1 bis rue Poussin, F-93250 Villemomble, Francujo
1932 acnc-o **Cosenza, F-ino Anna,** via A. Diaz 14, I-34170 Gorizia, Italujo
1933 feeg-r **Sgorlon, S-ro Federico,** Via Vercelli 11/3, I-33100 Udine, Italujo
1934 gzzi-d **Gazzelli, S-ro Carlo,** via Palestro 9/3, I-16122 Genova, Italujo
1935 mela-j **Melå, S-ro Åge,** Bovertien 2, N-3190 Horten, Norvegujo
1936 mikl-f **Miklasz, S-ro Jaroslaw,** ul. Szpitalna 1/40, PL-85-826 Bydgoszcz, Pollando
1937 pesa-b **Samula, S-ro Petro,** ul. Bol. Rumińskiego 4/6, PL-85-030 Bydgoszcz, Pollando
1938 rpoc-w **Podhanka, S-ro Robert,** Dolny Miętusie 27-27, PL-43-316 Bielsko-Biała, Pollando
1939 ktty-y **Gassner, S-ino Kitty,** 16/30 Cowper Street, Randwick, Sydney, N.S.W. 2031, Aŭstralio
1940 mwik-p **Cwik, S-ro Michael,** Avenue de Tervuren 175, B-1040 Brussel, Belgujo
1941 aueb-i **Uebags, S-ro Adam,** Karl-Marx-Allee 172, D-5100 Aachen, FR Germanujo
1942 clep-n **Klepp, S-ro Claus,** Am Grossen Stein 2, D-6367 Karben, FR Germanujo
1943 ebru-o **Bruder, S-ro E.,** Lehnbast 5a, D-3052 Bad Nenndorf, FR Germanujo
1944 ehrm-k **Ehrmantraut, S-ro Walter,** Sylvanerstr. 6, D-6501 Zornheim, FR Germanujo
1945 gude-i **Gude, S-ino Erna,** Goethestr. 112, D-3500 Kassel, FR Germanujo
1946 hbuu-z **Bühl, S-ro Hans-Hermann,** Heinrich Baumann Str. 40, D-7000 Stuttgart 1, FR Germanujo
1947 iseo-j **Seefeld, S-ino Irmgard von,** Karlsbader Weg 111, D-4950 Minden, FR Germanujo
1948 jchm-d **Jochmann, S-ro Rudolf,** Bgm. Schwaiger Str. 16, D-8318 Gaching, FR Germanujo
1949 jlsu-q **Strasser, S-ro Johano,** Hiestr. 13, D-1000 Berlin 41, FR Germanujo
1950 rerl-y **Rossler, S-ino Rita,** Jakobsgasse 11, D-6721 Harthausen, FR Germanujo
1951 dsrr-x **Rössler, S-ro Franz-Georg,** Jakobsgasse 11, D-6721 Harthausen, FR Germanujo
1952 stml-x **Maul, S-ro Stefan,** Pfersee Str. 15, D-8900 Augsburg, FR Germanujo
1953 evse-e **Seemann, Eva,** Am Sportplatz 32, DDR-1502 Potsdam Babelsberg, Germana DR
1954 skda-l **Sakuda, S-ino Misko,** p/a Haruki-en Kashiwazato, 1-3-6 Nishiyodogawa-ku, Osaka, 555 Japanujo
1955 hmme-k **Mejary, S-ro Hossein,** Nobelv. 119 F, S-214 33 Malmö, Svedujo
1956 karx-c **Axelsson, S-ro Karl,** Urbergsvägen 17, S-141 41 Huddinge, Svedujo
1957 sveg-h **Jonasson, S-ro Sven,** Spångtorp, Funbo, S-755 90 Uppsala, Svedujo
1958 dhhn-k **Dahlman, S-ino Ella,** Lammintie, SF-14200 Turenki, Finnlando
1959 kaij-e **Salonen, S-ino Kaija,** Pinninkatu 14 B 26, SF-33100 Tampere, Finnlando
1960 maru-b **Rusi, S-ro Mauno,** SF-21500 Karuna, Finnlando
1961 slya-k **Kivekäs, S-ino Silja,** Päijänteenkatu 1 A 4, SF-15140 Lahti, Finnlando
1962 dlhy-g **Delhaye, S-ro Robert,** 73 Rue de Mazy, B-5800 Gembloux, Belgujo
1963 lavr-r **Lavreysen, S-ro Marcel,** Leon Dartelaan 22, B-3630 Hevellen, Belgujo
1964 xike-e **Markov, S-ro Aleksandro,** str. Boris I, 162, BG-1000 Sofia, Bulgarujo
1965 znbi-r **Beleva, Belka Hristova,** bul. Tolbuhin 45, BG-1142 Sofia, Bulgarujo
1966 dgori-u **Goranova, S-ino Darinka,** str. Pirotsko 136, BG-1309 Sofia, Bulgarujo
1967 gluk-s **Lukanova, S-ino Gertruda,** str. Ekzarh 19, bl.309, III et., ap. 18, BG-1080 Sofia, Bulgarujo
1968 ivda-y **Dakovska, S-ino Ivanka,** str. Canko Cerkovski 2, BG-1164 Sofia, Bulgarujo
1969 izla-g **Zlatarev, S-ro Ivan,** j.k. Vâlĉo Ivanov, bl 319-320, vhod A, Sofia, Bulgarujo
1970 khs-n **Klasurov, S-ro Nikolaj,** str. P.T. Smadz 28, BG-1404 Sofia, Bulgarujo
1971 ldav-f **Davidova, S-ino Luna,** j.k. Lenin bl. 11, BG-1080 Sofia, Bulgarujo
1972 mauz-q **Uzunova, S-ino Maja,** str. Mladost II / 200 B, BG-1090 Sofia, Bulgarujo
1973 morj-o **Vâlova, S-ino Morjana,** str. Ĉatalĝa 5, BG-1527 Sofia, Bulgarujo
1974 nama-p **Marinska, S-ino Nadejda,** str. Ĉatalĝa 5, BG-1527 Sofia, Bulgarujo
1975 nivi-g **Ivanov, S-ro Nikola,** j.k. Mladost IV, Bl. 488 vhod B, Sofia, Bulgarujo
1976 nnuu-g **Urunov, S-ro Nikolaj,** str. Mladost II / 203 B, BG-1099 Sofia, Bulgarujo
1977 teju-h **Jurukov, S-ro Teo,** str. Canko Cerkovski 38, Sofia, Bulgarujo
1978 xjum-e **Zjumbjuleva, S-ino Veneta,** str. Losenec 24-34, BG-1421 Sofia, Bulgarujo
1979 ismpo-f **Scheffel, S-ino Ilse Maria Paula,** Robert-Bosch Str. 241, D-8261 Aschau am Inn, FR Germanujo
1980 ecom-i **Companys, S-ro Emmanuel,** 4 rue Paul Langevin, F-94120 Fontenay sous Bois, Francujo
1981 elgi-k **Gimenez, S-ino Elyane,** 4 rue Paul Langevin, F-94120 Fontenay-sous-Bois, Francujo
1982 doke-u **Kershaw, S-ro Douglas E.,** Kirklands, Howdale Lane, Beadlam, York, Britujo YO6 5SS
1983 jmib-y **Ibbotson, S-ro J.M.,** 32 Turners Croft, Heslington, York, Britujo YO1 5EL
1984 adab-x **Boscone, S-ino Ada,** via S.Quintino 33, I-10121 Torino, Italujo
1985 czzd-z **Zdziebilk, S-ro Czeslaw,** ul. Zwyciestwa 77, PL-44-236 Ornontowice, Pollando
1986 jasi-l **Sidoruk, F-ino Joanna Janina,** ul. Staszewskiego 39 a / 48, PL-43-346 Bielsko-Biała, Pollando
1987 ihul-v **Hultqvist, S-ino Inger,** Terapivägen 16 E, 11 tr, S-141 56 Huddinge, Svedujo
1988 kaso-f **Soini, S-ino Kaarina,** Kastaistentie 31, SF-20310 Turku, Finnlando
1989 lsni-z **Nikov, S-ro Lasto St.,** P.K. 497, BG-1090 Sofia, Bulgarujo
1990 cdir-i **Dirscherl, S-ro Clemens,** Keplerstr. 8 bei Karch, D-6700 Ludwigshafen, FR Germanujo
1991 ebu-o **Bünemann, S-ro Ernst,** Goetheweg 26, D-3000 Hannover 71, FR Germanujo
1992 gbus-i **Bussing, S-ro Gerd,** Hatzfelder Str. 1, D-1000 Berlin 41, FR Germanujo
1993 hoeu-l **Eubeler, S-ro Hans,** Breidertring 88, D-6074 Rödermark 3, FR Germanujo
1994 jkho-v **Kho, Jae-Hton,** Aschheimer Str. 29 F, D-8000 München 80, FR Germanujo
1995 kesa-i **Salzmann, S-ro Karl-Ernst,** Ludowicistr. 27, D-6740 Landau/Pfalz, FR Germanujo
1996 nipe-e **Perkins, S-ro Nelson T.,** Sud Lager 476 Apt. A-6, D-8453 Vilseck, FR Germanujo
1997 tlpi-w **Pittman, S-ro Tobe Lee,** FR Germanujo
1998 unie-k **Niesert, S-ino U.,** Immentalstr. 3, D-7800 Freiburg, FR Germanujo
1999 jcam-f **Camacho Cordon, S-ro Jorge,** Chamtela 43 - 1° J, E-28035 Madrid, Hispanujo
2000 jmth-c **Thomas, S-ro John Melvin,** 73 The Ridgeway, London NW9 0UH, Britujo
2001 csa-n **Sarandrea, S-ro Carlo,** Via Alessandro Severo 73, 00145 Roma-Eur, Italujo
2002 ssmo-l **Mossallah, F-ino Ŝeyda Sakineh,** P.O.Box 11365-5996, Tehran, Irano
2003 cepe-t **Peterson, S-ino Cecelia,** 10243 Casanes, CA 90241 Downey, Usono
2004 mrov-j **Rovid, Magdolna,** Brace-Lowi 4, 24431 Senta, Jugoslavio

······ # LA STROBILO

KONGRESA KURIERO DE L' 70a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN AUGSBURG 1985

sub la aŭspicio de MONATO internacia magazino sendependa, Antwerpen/Augsburg

*Internacia redakcio sub gvido de*
*Stefan Maul, Thomas Barmann kaj Paul Peeraerts*

N-ro 5
vendredo, 9 aŭgusto



*Ekso ĝenerala sekretario de UN, Kurt Waldheim (centre) kun edzino konversacias kun UEA-prezidanto Maertens kaj urbestro Kotter.*

******************************

Flanke de la kongreso ĉeestis la aranĝojn en la urbodomo okaze de la pacofesto:
Geedzoj Maertens, Tonkin, Lindblom, Deguĉi, Grattapaglia, Szabo-Felsö; c-rino Despinay, d-ro Maitzen, s-ro Umeda, s-ino Kikusima, s-ro Masterman, d-ro Lins, s-ino Faraĝi, s-ino Tilmont, d-ro Röll, s-ro Sandner.

******************************

### Aŭkcio de valoraj esperantaĵoj

Hodiaŭ je la **16.30 h** okazos en salono **Grabowski** denove aŭkcio, kiu donos al vi ŝancon akiri valorajn esperantaĵojn (kaj kelkajn kuriozaĵojn). Inter la ofertataj Esperanto-libroj estas multaj titoloj delonge elĉerpitaj; estas ankaŭ raraĵoj, kiujn kolektantoj avide serĉadas. Jen kelkaj:

* Azorin, Ilustrita vortaro de Esperanto
* Kvaropo (la unua libro de Stafeto)
* Auld, La Infana Raso (kun speciala dediĉo de la aŭtoro)
* Waringhien, Eseoj; kaj: Lingvo kaj Vivo
* Pluraj tradukoj de Zamenhof, aperintaj ĉe Hachette antaŭ la unua mondmilito
* Protokolaro de la Unua UK en Bulonjo-sur-Maro (1905)
* Jarkolektoj 1905 ĝis 1908 de "Lingvo Internacia"
* Jarkolekto 1909 de "Scienca Revuo"

Krome, estas interalie je dispono pluraj filatelaĵoj, ekz. unuataga koverto kun rara Esperanto-poŝtmarko el 1953.
Nepre kaptu la unikan ŝancon kaj venu al la aŭkcio. D-ro Tonkin, la aŭkciisto, atendas viglan vet-ofertadon.

### UK-anoj invititaj al la oficiala solenaĵo de la Pacofesto de Augsburg

La 7an kaj 8an de aŭgusto kelkaj reprezentantoj de la kongreso (vidu la liston) ĉeestis la solenaĵojn aranĝitajn okaze de la Pacofesto de Augsburg. Ambaŭ solenaĵoj okazis en la Ora Salono de la urbodomo.
La 7an de aŭgusto vespere, la urbestro, Ludwig Kotter, komence bonvenigis la altrangulojn, inter ili la prezidanton de UEA (erare donante al li la nomon Masterman - tamen).
Festparoladon faris d-ro Kurt Waldheim, la antaŭa ĝenerala sekretario de UN, kiu elstarigis la rolon de Eŭropo en la monda politiko. Li turnis sin kontraŭ "eŭro-pesismo" kaj nomis la Augsburgan Pacofeston "konscia pruvo pri tio, ke la homoj tra la generacioj povas venki fanatikismon kaj uzi toleremon".
Post la programo s-ro Maertens, prezidanto de UEA, havis la eblecon interparoli dum kelkaj minutoj kun Waldheim, kiu esprimis sian bedaŭron, ke Esperanto ankoraŭ ne disvastiĝis pli multe.
La 8an de aŭgusto antaŭtagmeze la Ora Salono denove pleniĝis, ĉifoje ankaŭ per granda nombro de aŭgsburgaj civitanoj en mezepokaj kostumoj.
La ĉefurbestro, Hans Breuer, en sia parolado ne preterlasis aparte atentigi pri la 70a UK samtempe okazanta en Augsburg; ĉefaĵo de tiu solenaĵo estis la unuafoja aljuĝo de la premio "Aŭgsburga Pacofesto". Ricevos ĝin episkopo Kunst pro siaj meritoj en laborado por interproksimiĝo de la konfesioj.

JURISTOJN
kiuj ŝatas persone ekkoni kolegojn kaj pensi pri vojoj intensigi Esperanto-agadon inter juristoj, ni kore invitas veni al neformala kunveno hodiaŭ je la **13.45 h** ĉe la stando de TEJO.
R. Heckhausen, 2212; B. Pabst, 2298

++++++++++++++++++++++++++++++

INVITO AL JUNULARO
Vizito de junulara memadministrata entrepreno en Augsburg (presejo, eldonejo). Nomo: Papyros; loko: Riedingerstraße 24; Tempo: hodiaŭ je la 14.00 h.

++++++++++++++++++++++++++++++

**La redakcio de STROBILO bedaŭras**
ke en la antaŭaj numeroj ne povis aperi multaj raportoj; pro la ne antaŭvidebla amaso da novaĵoj ne restis sufiĉe da spaco por aliaj artikoloj. Pro tio ni hodiaŭ eldonas duoblan numeron, sed pro teknikaj kialoj ni povas liveri nur du apartajn foliojn; atentu do, ke vi havigu al vi ankaŭ paĝojn 3 kaj 4 de ĉi tiu 5a numero. strob.

### Somerumi apud la Adriatika Marbordo

en bela kaj silenta domo, en Esperantista rondo, vi povos somerumi por tre popularaj prezoj.
La dometo situas ĉe la Adriatika Marbordo, kaj por certa rezervigo vi devas vin antaŭe anonci ĉe kongresano n-ro **960**.

### Infan-Kongreseto invitas vin por hodiaŭ

38 infanoj el 12 landoj ludas, kantas, ridas kaj kvereletas en la ĉi-jara Infan-Kongreseto sub la gvido de Irene Hohn kaj pluraj helpantinoj. Ili vizitis la bestĝardenon, la pli grandaj ankaŭ la urbon; parto el ili kunaktoris en la pacoludo.
Sed precipe ili preparis varian programon kun skeĉoj, konkurso, kantoj kaj dancoj, kiun ili hodiaŭ prezentos al la gepatroj kaj aliaj kongresanoj.
Preskaŭ ĉiuj infanoj parolas tre bone, pluraj vere flue la internacian lingvon. Oni plendas nur pri du, kiuj preskaŭ ne scias la lingvon, kaj pri la francaj partoprenantoj, kiuj inter si tro multe krokodilas.
La infanoj prezentos sian programon en la kongresejo Don Bosco je la **13.00 h**.

## AKTUALE

**Vetero:** Varma kun sunbrilo, eventuale fulmotondretoj.
**FR Germanio:** Du homoj mortis kaj 16 personoj vundiĝis - parte grave - per bombo, kiu eksplodis en aŭtomobilo, kiu staris en la parto de la flughaveno de Frankfurt/Main, kiun uzas la usona armeo. La polico supozas, ke la atencon faris teroristoj de RAF ("Ruĝa Arme-Frakcio").
**Sudafriko:** Minimume 22 homoj mortis en la regiono de la havenurbo Durban, kiam dum funebra ceremonio por murdita nigra advokatino, kiu luktis por homaj rajtoj, interbatalis nigraj loĝantoj kaj la polico.



NACIA HIMNO
*La lasta frazo en la raporto de Augsburger Allgemeine pri la inaŭguro tekstis (en traduko): "Por la Eŭropokanto kaj 'La espero', la Esperanto-nacihimno, prezentitaj en Esperanto, la kantistoj el Svabujo ekzercis tamen kvar monatojn."*

******************************

**Programŝanĝoj kaj -aldonoj**
V e n d r e d e :
Dank' al multaj petoj pri reprezentado de la filmo pri "Bona Espero", tiu estos spektebla denove en salono **Grabowski** je la 18.00 h.

De 15.30 h ĝis 17.00 h en salono **Ziegler**: "Per Esperanto tra la mondo". S-ro Conzett prezentos vidbendan filmon pri Israelo, Hispanio kaj Francio.

La pupteatro "La edziniĝo de la musino" nun aperos vendrede de la 17a ĝis la 18a, kaj poste duafoje de la 18a ĝis la 19a horo en salono **Zamenhof.**

La kunsido de la Komisiono pri la Internacia Jaro de la Junularo okazos en salono **Pickel** de 18.00 ĝis 19.00 h. La publiko estas bonvena!

**Novaj aliĝoj**
2308 **Stolc, s-ro Stanislavo,** Pollando.
2309 **Bralić, s-ino Vanda,** YU-58231 Klis-Kosa 114, Jugoslavio.

## PREMIERO: KONGRESANOJ PREZENTAS SIN AL AUGSBURG
### Urbodoma placo svingas en Esperanto-ritmo

**Plia premiero okazis dum la 70a UK: kongresanoj el diversaj landoj prezentis sur la urbodoma placo muzikon, kantojn kaj aliajn kulturajn programerojn, salutis la urbanojn kaj respondis al demandoj de la intervjuanta J.M. Ipfelkofer, kiu gvidis tra la programo. Evidente ankaŭ ĉi tiu premiero estis plena sukcesco, kiel montris la etoso sur la placo, reagoj de loĝantoj kaj la raporto en Augsburger Allgemeine, el kiu ni resume ĉerpas.**

"Esperanto estas la lingvo por ni, por ni!" Kantante ĉi tiun konfeson ĉiuj kune man-en-mane kelkaj cent spektantoj svingis sur la urbodoma placo. Dum du horoj okazis publika spektaklo en agrablahumora etoso. Por tio zorgis la muzikistoj kaj kantistoj el la 70a UK de Esperanto, okaze de kiu restadas pli ol 2300 partoprenantoj el 58 landoj en Augsburg.
La ideo de interpopola amikeco, sur kiu baziĝas la planlingvo fondita antaŭ preskaŭ 100 jaroj, hieraŭ spertis gajan eĥon muzikan kaj kantan.
"Kuniĝu per la kanto!" do estis la titolo de kanto prezentita de internacia Esperanto-ĥoro sub gvido de Dimitr Terziev (BG), same kiel "Himno al la paco" kaj la Beethoven-a "Himno al la Ĝojo".
Fortvoĉa komenco de la programo, kiu imponis ne tiom per sia grandeco ol per siaj simpatiaj spontaneco kaj improvizeco, kaj pro tio estis akompanata de ofta aplaŭdo. Jomo Ipfelkofer, LKK-komisiito pri Artaj Aferoj, funkciis gaje babilante kiel moderatoro kaj interpretanto, kaj ankaŭ la vetero montriĝis bonhumora.

La Aŭgsburga urbestro kaj kulturreferento Ludwig Kotter en sia mallonga salutparolo montriĝis entuziasma pri la ideo de la esperantistaro, "interproksimigi la diversnaciajn kulturojn kaj per tio kontribui al interpopolaj komprenigo kaj amikeco."

Sally Philipps, kantistino naskita en Malagasio kaj vivanta en suda Anglio, tuj konkeris la korojn de la aŭskultantoj kantante Malagasajn kaj Anglajn popolkantojn; same pri Stanislaw Skorupski, kiu invitis kiel gitaristo kaj rapid-desegnisto al fulmrapida Esperanto-kurso. Lia **bildo de hundo** trovis afablan aplaŭdon samkiel lia "Legendo de l'(Berlina lago) Wannsee". Per sia brila soprana voĉo la Hungara kantistino Anna Kiss (Kiŝ), kantante amkanton de Edith Piaf, la famkonatan Marlene-Dietrich-kanton "Ĉiuj floroj estas for" kaj ĉinan popolkanton, estigis koncertan atmosferon sur la urbodoma placo. Tondra aplaŭdo dankis ŝian prezentadon.

Per koncizaj salutparoloj sin prezentis esperantistoj el tuta la mondo, de Usono ĝis Sud-Koreio, de Kolombio ĝis Ĉeĥoslovakio, de Egiptio ĝis Japanio. "Mi deziras al ni ĉiuj pacon eternan", vokis "Terano", kaj Israelano simbole etendis sian manon por fratiĝo; francino okaze de la Aŭgsburga pacofesto transdonis poeme sian deklaron de paco: "Paco nia."

Specialan aplaŭdon per la urbo Aŭgsburg kaŭzis la raporto de ĉina delegaciano: La kostojn por tri-taga pilgrimo de la vizo - ĉ. 600 GM - transprenis la urbo; spontana pruvo de Aŭsgburga gastamo.

???????????????????????????
Meknomo por la kongresa kuriero: L A T R O M P I L O
???????????????????????????



*La internacia ĥoro sub gvido de Dimitr Terziev (maldekstre) kantis por la aŭgsburga loĝantaro sur la urbodoma placo.*

### Informa laboro ĉe Eŭropa Komunumo

Mardon matene okazis la fakkunvenoj de Eŭropa Esperanto-Unio. Streĉa tago komenciĝis per laborrondo de la komisiitoj pri eŭropa agado: ili pripalolis la konkretan kaj praktikan agadon ĉe la diversaj politikaj instancoj de l' Eŭropa Komunumo. La priesperanta informa laboro estis vasta kampo, ke la duhora kunsido apenaŭ sufiĉis. Baldaŭaj priesperantaj rezolucioj, la aliĝo de Hispanio kaj Portugalio al EK, ĝenerala informa laboro, eldono de informa broŝuro - tio estis nur kelkaj el la multaj temoj. Tagmeze la publiko estis invitita sekvi la malferman informan kunsidon. La intereso estis neantaŭvidite granda. Tion montris plenŝtopita ĉambro. Anne Tilmont, gvidantino de Eŭropa Esperanto-Centro faris rapidan skizon de l' ĝeneralaj gvidlinioj de la antaŭaj kaj venontaj informkampanjoj ĉe EK kaj pli specife ĉe la Eŭropa Parlamento. Ankaŭ estis transdonitaj la sinceraj salutoj de eŭroparlamentano Hans Joachim Seeler, unu el la 41 membroj de la Eŭropa Parlamenta Esperanto-Grupo, la organizaĵo de eŭroparlamentanoj kiuj aktive aŭ pasive simpatias kun Esperanto.

****************************

**Tiuj, kiuj vizitas Universalan por la unua fojo**: vi estas invitataj ĉeesti kunsidon en salono **Ziegler** je la **19.00 h** hodiaŭ, por helpi al UEA plani la programon de la estontaj kongresoj. Tiu ĉi kunsido estas n u r por unuafojaj kongresanoj!

****************************

### Diservoj kun arta programo

Kaj en la ekumena diservo, kiu okazis merkrede en baziliko de S-ta Ulriko kaj Afra, kaj en la katolika diservo, kiu okazis dimanĉe en S-ta Antonio, estis ankaŭ elstaraj artaj eroj. Solkantistinoj kaj ĥoro kantis dum la ekumena, ĥoro el Munkeno prezentis oratorion dum la katolika meso.
En la ekumena diservo salutis en la nomo de la episkopo de Augsburg, d-ro Josef Stimpfle, la dekano de la katedralo, Georg Beis, kaj diris interalie, ke la strebado de l' esperantistoj por unu lingvo sendube kontribuas ankaŭ al unuiĝo de eklezioj. KELI-predikanto Adolf Burkhardt en sia homilio parolis pri la eldiro de Jesuo, ke "feliĉaj estas la pacigantoj" - sed li atentigis, ke laŭ la originalaj lingvoj de la biblio oni povas diri, ke pacigantoj estas "gratulindaj". Li demandis la aŭskultantojn, ĉu "vi volas, ke Jesuo gratulas vin?" kaj atentigis fine pri propono de Carl Friedrich von Weizsäcker (sciencisto kaj frato de la Alta Protektanto de l' 70a UK), kunvoki packoncilion de ĉiuj eklezioj. Kiu volas subteni ĉi tiun proponon, povas skribi al pastoro Burkhardt.
Surprizo plej pozitiva okazis dum la meso en S-ta Antonio, kiun iom spite partoprenis ankaŭ multaj protestantoj. Origine ankaŭ por tiu tago oni antaŭvidis ekumenan diservon, sed tiu plano ne ricevis aprobon de episkopo Stimpfle. Pro la premiera prezento de oratorio por koruso, trombona orkestro kaj orgeno, la diservo iĝis kultura evento malofte spertebla dum UK. Fridolin Limbacher komponis, sur alta muzika nivelo kun uzo de moderere modernaj stil-rimedoj, kvarpartan verkon "Gloro kaj Paco". La originala Esperanto teksto en kelkaj lokoj tre efektoplene enŝovas hebree, greke kaj latine iujn kriojn de la popolo. sm/ab

### La komitato laboras

#### EKSPERIMENTO PRI MALMULTEKOSTA MEMBROKOTIZO

UK signifas multe da laboro al la Komitato de UEA, nia parlamento, kiu havas plurajn plenkunsidojn, la unuan el ili jam lastvendrede. Sian ĉefan rolon la komitato faras en diversaj komisionoj. Car la decidoj plejparte estos faritaj en la antaŭlasta kongresa tago, LA STROBILO ankoraŭ ne havas multan raporteblan. Se ni ne sukcesos raporti pri ili en nia lasta numero, tiam atendu la septembran numeron de "esperanto" de UEA, kie inter aliaj UK-raportoj vi povos legi ankaŭ pri la rikolto de la komitato.

Dum la kongreso kiel novajn komitatanojn C la komitatanoj A (nomumitaj de la landaj asocioj) kaj B (elektitaj de la individuaj membroj) elektis Dai Song-en el Ĉinio kaj d-ron Victor Sadler el Nederlando.
Post zorga preparado la komitato akceptis novan regularon pri TEJO, la junulara sekcio de UEA. La regularon antaŭe akceptis la komitato de TEJO en la IJK en Eringerfeld. La ĉefa enhavo de la regularo estas, ke ĝi difinas TEJOn kiel integran parton de UEA kaj tiel forigas diversajn neklaraĵojn, kiuj ekzistis ĉirkaŭ la rilato UEA TEJO.
La komitato decidis ankaŭ pri nova membrokategorio "Membro kun Gvidilo" (MG), eksperimente por la jaroj 1986-88. La MG-kotizo estos ĉ. triono de la MJ-kotizo. Por tiu kotizo la membro ricevos 80-100paĝan represaĵon de la Jarlibro de UEA, la estraran raporton kaj estos plenrajta individua membro de UEA. Oni aparte celas, ke la nova membrokategorio ligu al UEA geesperantistojn, por kiuj la nuna MJ-kotizo estas alta, kiel gejunuloj kaj personoj el landoj kun pagaj aŭ transpagaj problemoj.

### D-ro Max Josef Metzger eminenta esperantisto

Se vi atentas, vi trovas en la urbo de l' 70a UK monumenton de eminenta esperantisto, kiu tamen estas preskaŭ forgesita inter la esperantistaro: Sur la placo antaŭ la katedralo de Augsburg staras sur kolono busto de d-ro Max Josef Metzger (prononcu: Maks Josef Mecgr). Li naskiĝis en la jaro 1887 (en la sama jaro, en kiu Zamenhof publikigis sian lingvoprojekton) en Germanio, studis teologion kaj en 1911 iĝis katolika sacerdoto. En la unua mondmilito li estis arme-pastro - kaj el la spertoj akiritaj en tiu deĵoro estiĝis lia posta agado.

Dum la 6a Ekumena Kongreso, kiu okazis dum la semajno antaŭ UK en Augsburg, s-ro Walter Mudrak, kiu persone konis d-ron Metzger, faris tre interesan prelegon pri li. La kongresanoj vizitis instituton fonditan de Metzger en Meitingen, proksime de Augsburg. Tie li vivis dum la lastaj jaroj antaŭ sia mortigo.
Ne estas loko ĉi tie, por detale priskribi la vivon kaj agadon de Metzger. Sed resume el la prelego de s-ro Mudrak ni atentigas, ke Metzger jam en la 20aj jaroj de ĉi tiu jarcento aktivis ankaŭ en la Esperanto-movado, tamen lia ĉefa celo ne estis la disvastigo de Esperanto, sed li uzis Esperanton por batali k a j por la paco k a j por ekumeno. Li estis vera pacifisto (vidu supre) kaj **pioniro de l' ekumeno** en tempo, kiam nek en la katolika nek en aliaj kristanaj eklezioj oni vere pensis pri tio. Precipe ankaŭ la katolikaj esperantistoj tiutempe ne plene akceptis la progresemajn ideojn de Metzger - ja eĉ estis multaj kvereloj inter li kaj la aliaj katolikaj esperantistoj.

Tia homo - konvinkita pacifisto - kompreneble estis suspekta en la okuloj de l' nazioj en la Germanio de Hitler. Kiel konate, la Hitler-reĝimo ankaŭ malpermesis Esperanton. Do Metzger - por ne tro riski - rezignis en la 30aj jaroj aktive uzi Esperanton, sed ĝis la fino li tenis kontaktojn al Esperanto-amikoj.

Plurfoje - ankaŭ en Augsburg - li estis en karcero; fine en 1943 oni enkarcerigis lin en Berlino. Li estis akuzita antaŭ la fifama "popoltribunalo" de Freisler pro "ŝtatperfido" kaj kondamnita al morto. La 17an de aprilo 1944 oni ekzekutis lin. En 1968 oni transportis liajn ostojn el Berlino al Meitingen kaj tie entombigis lin. Ankaŭ la supre menciitan buston antaŭ la katedralo de Augsburg oni starigis je tiu okazo.

S-ro Mudrak fine de sia prelego en Meitingen diris pri Metzger: "Li ne mortis, li daŭrigu vivi ankaŭ por ni!"



*D-ro Max Josef Metzger*

### Plej aktiva komitatano

La estraro de UEA lanĉis novan tradicion: ĉiujaran elekton de la plej aktiva membro en la Komitato, la plej alta gvidorgano de la asocio. La nomo de la distingito eniras la Oran Libron de la Komitato.
Fred de Geus, Nederlando, komencas la vicon de la plej aktivaj komitatanoj. La estraro distingis lin pro liaj gravaj meritoj en la aŭtomatigo de la Centra Oficejo de UEA kaj de ĝia Grafika Centro, por kiu li oferis nekalkuleblan kvanton da vesperaj kaj semajnfinaj horoj. Li aktivas ankaŭ en la Komisiono pri Financo kaj Administrado kaj estas revizoro de la Komitato. Kaj se vi foje sendas uzitajn poŝtmarkojn al UEA, por ke ili estu venditaj favore al la Asocio, estis ĝuste Fred de Geus, kiu prizorgis tion.
Gratulojn al Fred!

### Jarkunveno de UMEA

Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA) havis sian jarkunvenon la 6an de aŭgusto. Gvidis d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA, partoprenis 48 gekolegoj el 13 landoj. La ĉeestantoj omaĝis pro la morto de d-ro Hideo Shinoda, honora prezidanto de la asocio. La UMEA-premion ĉi jare ricevis d-ro Gábor Lázár (Romanio). UMEA deziras starigi konsultajn rilatojn kun Monda Organizo de Sano (MOS) kaj planas internacian konferencon en Krakovo dum la jubilea jaro.

### Kunveno de MONATO

Kunveno de kunlaborantoj kaj abonantoj de la internacia magazino MONATO okazis 6an de aŭgusto; ĉeestis ĉ. 90 personoj, kiuj povis fari demandojn al la eldonanto kaj redaktoro. Oni faris plurajn interesajn proponojn kaj sugestojn; ĝenerale oni montris kontenton pri la nun denove bona perspektivo de la revuo.

### Filmo pri la E-Jubileo Kunveno de TEJA kaj ILEF

60 ĵurnalistoj, fotistoj kaj filmistoj el multaj landoj ĉeestis la kunvenon de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) kaj Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF) la 6an de aŭgusto. Oni diskutis planojn - antaŭ la jubilea jaro - havigi profesie verkitan materialon por ĵurnalistoj kaj informi pli vaste pri Esperanto. Oni intencas kun la gazetara servo de UEA starigi Internacian Esperanto-Inform-Agentejon.
UEA komisiis Donĉo Ĥitrov (Bulgario), Roman Dobrzyński (Pollando) kaj d-ron Ulrich Lins (FRG) produkti 16-milimetran koloran dokument-filmon pri la 100jariĝo de Esperanto. Oni petas ĉiujn, kiuj posedas filmajn materialojn pri Esperanto-kongresoj kaj aliaj aranĝoj, anonci sin ĉe la Centra Oficejo de ILEF (bul. Ĥristov Botev 97, BG-1303 Sofio, Bulgario) por helpi en kreado de ĉi tiu filmo. D.Ĥ.

### Ceremonio Waringhien

En la publika kunveno de la Akademio (vendrede, je la 14a h.) okazos ceremonieto omaĝe al Prof. G. Waringhien. La editoro de lia festlibro "Li kaj ni", R. Haupenthal, en **mallonga parolo reliefigos la** verkon de Waringhien kaj sian longjaran kontakton kun li. Poste li transdonos aparte binditan volumon.

### Munkena Altlerneja E-Grupo

kunvenis la 4an de aŭgusto; ĉeestis ankaŭ eksterlandaj studentoj. Oni diskutis proponojn por agado por UK. Al Reinhard Fößmeier oni dankis pro lia laboro en preparado de la libro "Resonoj", kiu eldoniĝis kiel kontribuo al la 70a UK. Kiel bavaro Fößmeier donis gravajn kontribuojn al la Esperanto-traduko por pli bone ekkoni la vivon en la kongreslando. JP

### LKK por 72a UK en Varsovio aprobita

La estraro de UEA aprobis jus la jenan membraron de la loka kongresa komitato de la UK en Varsovio:
Prezidanto: Lech Kosieniak
Vicprezidanto: Jerzy Leyk
Sekretario: Andrzej Kraszewski
Kasisto: Tomasz Pul
Loĝado: Aleksandra Cnabrowska
Ekskursoj: Franciszek Kaliński
Artaj aranĝoj: Ewa Siurawska
Junularaj aferoj: Jaroslaw Parzyszek
Infana kongreseto: Bogdan Wawrzyńczyk
Enlanda informado: Zofia Banet-Fornal
Ekspozicioj: Tamara Roszak
Scienca konferenco: Ryszard Rokicki
Konkursoj: Wojciech Usakiewicz

### *GRAVA INFORMO POR LA PARTOPRENANTOJ DE LA POSTKONGRESO EN KRONACH*

*Dimanĉe, la 11an de aŭgusto, atendas vin la aŭtobusoj el Kronach en Fuggerstraße inter Königsplatz kaj la urba teatrejo antaŭ Justizgebäude.*
*Bonvolu tie esti tiel frue, ke ni povos ekveturi akurate je la 7.30 h!*
*Antaŭĝojante pri la renkonto la Kronaĥa Esperanto-Grupo*

---

**Antaŭ via forveturo nepre rigardu ankoraŭfoje la RENDEVUAN TABULON por vidi, ĉu estas por vi mesaĝoj aŭ poŝtaĵoj!**

---

*ATENTU, GERMANAJ KONGRESANOJ!*
*Sendu raportojn pri la UK aperintaj en germanaj gazetoj al Elsbeth Bormann (sendu laŭeble eltondaĵon aŭ fotokopion kaj ne forgesu indiki la fonton). Dankon!*

**Esperanto-Schnellkurs**
de Hans Koch/Stefan Maul
estas tiu kurso, kiu aperis antaŭ la UK en Augsburger Allgemeine kun bona eĥo.
Vi povas aĉeti ĝin ĉe la fervoja giĉeto kaj ĉe la stando de MONATO.
Libro 10,00 DM
Kasedo 10,00 DM

### LA INTERNACIA ĤORO

*fondita la 5an de aŭgusto 1980 en Stokholmo, denove funkcias sub gvido de ĥorestro Dimitr Terziev. La 5an de aŭgusto ĉifoje ekzercadis 54 geĥoranoj. Se ankaŭ vi deziros aliĝi, rapidu!*

**LIBROJ DE SEC**
En la kongresa libroservo estas aĉeteblaj jam 9 verkoj eldonitaj lastatempe de la Scienca Eldona Centro de UEA. Aparte menciindaj inter ili estas la verko de d-ro Endre Dudich "Ĉu vi konas la Teron?" kaj la speciala numero de "Sciencaj Komunikaĵoj" pri komunikado kun artikoloj de prof. d-ro Helmar Frank, d-ro Werner Bormann, prof. B.A. Sherwood, AP. Witkam (DLT) kaj aliaj.

### *"La Pinto" ne ripetota sed eldoniĝos kasedo*

*Multaj homoj petis ripeti ankaŭ la kabaredaĵon LA PINTO. Tio bedaŭrinde ne eblas pro teknikaj kaj personaraj problemoj. Sed la spektaklo estas filmita per viabenda kamerao; ĝi probable estos havebla en aŭtuno kiel kasedo. Turnu vin al la redakcio de MONATO.*

### Kunsido de blinduloj

La kunsidon de LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj) ĉeestis 30 personoj, inter kiuj 15 vidantoj.
Bona por blindaj esperantistoj estas la novaĵo, ke ĵus aperis 10-voluma "Plena Analiza Gramatiko", preskaŭ egalpreza kiel la vidula eldono, dank' al donacoj.
Por faciligi al blinduloj partopreni en la movado, baldaŭ aperos faldfolio, kiu samtempe prezentos la agadon de LIBE. Libreto pri kontaktoj kun blinduloj "Ne Tiel Sed Ĉi Tiel" estas aĉetebla en la Libroservo.
Kutime ankaŭ en la Esperanto-movado oni estas superŝutata per informoj, sed por blinduloj mankas informiloj. Vidantoj povus helpi per voĉlegado. Tamen, aperas "Esperanta Ligilo" la brajla organo de LIBF kaj diversaj landaj revuoj, ekzemple nova en Bulgario.
Ankaŭ vidantoj helpu informi LIBE pri izolitaj blinduloj, ĉu komencantoj, ĉu esperantistoj, kaj tiujn pri la apero de revuoj sur kasetoj: "Esperanto" kaj "Monato" (kontaktu kongresanon 202, s-inon Reinders). Multaj laŭdis la ĝustatempan surkasetan kongreslibron kaj la brajligitan programkajeron. Aliflanke la Estrara Raporto en la junia numero de la revuo malobligas partoprenon en la Ĝenerala Kunsido, ĉar voĉlego okazas monaton post la apero. La fondaĵo "Froŝenko", al kiu pluraj kontribuis, obligis havigi librojn (kiel la jam menciitan PAG) al bibliotekoj kaj aktivuloj en netranspagipovaj landoj. En la jubilea programo troviĝas brajlaj gramatikoj por arabkaj por svahil-lingvanoj.
Fina demando: ĉu post la Internacia Jaro de Handikapitoj (1981) en UK-programoj troviĝis handikapitaj artistoj kaj prelegantoj?

### Poŝtistoj kunvenis

La 16-a ĉefkunveno de IPTEA (Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio) okazis lunde.
Dipl.-inĝ. Veikko Mäki-Luopa prelegis pri la evoluo de la internacia teleskribil-abonanto aŭ tiel nomata telekso-servo, kiu fariĝis 50-jara jam en 1984, sed tiujare IPTEA ne kunvenis. Li konstatis, ke en la tuta mondo nun ekzistas 1,5 milionoj da abonantoj. La plej granda telekso-lando estas Usono (170 000 abonantoj), sed plej multe da abonantoj je 100 000 enloĝantoj tamen havas Svislando (570). Poste sekvas inter alie Singaporo (560), la Unuiĝo de Arabaj Emiratoj (400) kaj Hongkongo (350). La duonon de la tutmonda abonantaro havas Eŭropo, kvaronon Ameriko kaj okonon Azio.
La kunvenon ĉeestis 9 personoj el 6 landoj.

### Programo de la INTERNACIA ARTA VESPERO

vendredo - 20a horo

**Susanna Castel**: kanzonoj el la "Trigroŝa Opero" de Bert Brecht
**Maria Durys/Marian Ĉarkowski**: kabaredo "Viro kaj Virino"
**Sara Su Jones**: violon-koncerto a-minor de Viotti
**Maria Angelova**: kantoj internaciaj
**Anna Kiss**: kantoj monckonataj
Piano: **Erika Becht**



### Naturamikoj detale informis

Pli ol 80 kongresanoj partoprenis je lundo la kunvenon de la Turista Asocio "La Naturamikoj" - Esperanto-Fako (TANEF). Kiel ne-esperantista organizaĵo kun 350 000 membroj en 15 landoj la asocio praktike uzas la internacian lingvon de post 1940. De tiu dato ĝi havas kotizmarkon nur en Esperanto. S-ro Walter Poppeck, fakgrupestro por FR Germanio, atentigis aparte pri la revuo "La Migranto", sola fakrevuo de la naturamika movado. Venontjare okazos Internacia Feriosemajno de la 9-a ĝis 16-a de aŭgusto 1986 en la moderne ekipita Naturamika Domo en Bodman apud la Lago de Konstanco. Informojn petu de: F. W. Poppeck, kongr.-numero 700.

### Akademio de Sciencoj

Dum speciala kunsido de la Akademio Internacia de Sciencoj (AIS) informis s-ro Venturini, la delegito de la ministrino pri kulturaj aferoj de San Marino, ke la laŭjura fondo de la jam laboranta Esperant-lingva akademio okazos dum la unua semajno de septembro 1985. Oficialaj kunfondantoj povas esti ĉiuj laŭjure memstaraj sciencaj institucioj (asocioj, institutoj, ...) same kiel entreprenoj (ekz. eldonejoj), kiuj jam uzis - nure aŭ inter alie - Esperanton pro sciencaj celoj. Pro la urĝeco de la afero kongresanoj estas petataj informi la ĉeestantajn membrojn de la Alta Akademio de AIS - prezidanton prof. Pennacchietti (kongresnumero 842) aŭ prof. Frank (kn 161) - pere de la Rendevua Tabulo pri nomoj, adresoj kaj koncernaj meritoj de tiaj organizaĵoj. Ĉeestantaj reprezentantoj de ili bonvolu senpere kontaktiĝi pri detaloj kun unu el la du AIS-reprezentantoj.

### Bona Espero

La amikoj de Bona Espero kunvenis mardon matene en urba restoracio. Por ili estis certe surprizo renkonti krom s-ron Victor Sadler ankaŭ gesinjorojn Grattapaglia, kiuj ĵus estis alvenintaj. Triope ili detale respondis ĉiujn demandojn pri tiu bieno-lernejo. Interesitojn informas: Margret Brandenburg, kongresnumero 1055.

### Bahaa Esperanto-Ligo

62 kongresanoj el 14 landoj ĉeestis la kunsidon de Bahaa Esperanto-Ligo. Piere Belleboro montris lumbildojn pri la vivo de Lidia Zamenhof kaj ŝia aliĝo al la bahaa religio. Informis: Roan Orloff Stone, 1272.

### Ekonomikistoj: IKEF fondita

Marde pli ol tridek ĉeestantoj el almenaŭ 10 landoj solene adoptis la statuton de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo. La nova kvinmembra estraro ellaboros agadprogramon.

### ILERA parolas kun tuta mondo

Pere de la amatora kongresa radio-stacio oni sukcesis kontakti esperantistojn inter alie en Francio, Svedio, Brazilio, Usono, Argentino, FR Germanio, Germana DR, Nederlando, Rumanio, Ĉeĥoslovakio kaj Soveta Unio.
Interesuloj bonvolu viziti la stacion por pliaj informoj: ĝi situas proksime al salono Wingen. informis Hans Welling, DJ4PG, kongr-numero 1033.

### 200 legantoj ĉe "EPC"

Merkrede kunsidis proksimume 200 legantoj de la revuo "El Popola Ĉinio". La kulminan nombron ne atendis ĝia ĉefredaktoro s-ro Xu Shansu, kiu gvidis la kunsidon. Nemalmultaj legantoj laŭdis en amika etoso la progreson de EPC kaj donis sugestojn por ĝia pliboniĝo. Inter la ĉeestantoj troviĝis s-ro William Auld kaj kelkaj aliaj, kiuj abonis la gazeton jam de ĝia unua numero. Dume oni ankaŭ prezentis opiniojn pri Radio Pekino. Antaŭ la komenco de la kunsido la ĉeestantoj ricevis donaceton de ĉinaj samideanoj.

### Kunvenoj de gejoj

Jam sabaton vespere, la 3-an de aŭgusto, 24 anoj de L.S.G., la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj, el 12 landoj renkontiĝis por interkona vespermanĝo en restoracio "Arena", kaj poste por dancado en geja diskodancejo "Adonis" ĝis la 2-a matene. Dimanĉon vespere ili denove renkontiĝis por sia oficiala jarkunveno en la Evangelia Studenta Komunumo Augsburg, invitite de la loka geja grupo.

### Forstistoj aktiviĝas

Lunde renkontiĝis "Internacia Forstista Laborgrupo Esperantlingva", kiu preparas jam de tri jaroj forstfakan terminaron 17-lingvan kun klarigoj en Esperanto, kaj eldonas fakbultenon "Forstista Informilo". La kunveno decidis aranĝi specialan renkontiĝon kadre de la 72-a UK en Varsovio. Helpemuloj estas bonvenaj. Kontaktu kongresnumeron 1284: Johann Pachter.

******************************

### Nova Himno al la Paco

La 2000jara jubileo de Aŭgsburgo inspiris multajn loĝantojn al plej diversaj iniciatoj. Inter ili elstaras **Andreas Knoll**, eksinstruisto gimnazia. Li verkis novan "Himnon al la Paco" kaj mem komponis la melodion. La tekston li igis traduki en plurajn lingvojn, eĉ la ĉinan. Kiam li vidis la Esperanto-kurson en la loka ĵurnalo Augsburger Allgemeine, li petis Stefan Maul, traduki la himnon en la internacian lingvon. Lia ideo estis, ke oni uzu ĝin dum la Universala Kongreso. LKK akceptis lian proponon kaj petis la internacian ĥoron, lerni la himnon kaj prezenti ankaŭ dum la manifestacio sur la urbodoma placo la 7an de aŭgusto. Sed eble estos ankaŭ aliaj okazoj dum la kongreso por kanti la ĉi tiun himnon.

Jen la teksto:

1. Paco, ĝoj' por ĉio viva,
 por popoloj sur la ter',
 por valor' de hom' aktiva
 vi, fiera ja esper'.
R. Sen la venĝo, sen envio
 devas reestiĝi am'.
 Lumu, ridu, pac' en pio,
 ne do nin forlasu jam!
2. Konserviĝu, homojn benu,
 kiuj agas bone, por
 disputantoj ankaŭ penu,
 ke armiloj iĝu for!
3. Paco, ĉu vi restos ace?
 Riĉajn landojn igu do
 el profit' dividi frate
 kun malriĉaj po kaj po!

******************************

### Junuloj instruis "bambismon"

Dum la lastaj horoj de la balo, jam post noktomezo en la unuaj horoj de mardo, la junuloj portis iom da IJK-etosa viglo al la serena UK-programo. Ili konvinkis la orkestron ludi la melodion de "La Bamba" kaj instruis al la ĉeestantoj, ke por tiu danco oni formas grandan cirklon. La ĉirkaŭ 10 % kiuj ne kundancas en la cirklo eniras ĝian mezon kaj devas trovi partneron de la alia sekso, kies vangojn oni kisas trifoje por poste transpreni la lokon de la kisito kaj sendi lin aŭ ŝin en la arenon meze de la rondo por mem trovi novan partneron. Pro la vigla eĥo al tiu etosiga danco la orkestro devis plurfoje ripeti ĝin.

# LA STROBILO

KONGRESA KURIERO DE L' 70a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN AUGSBURG 1985

sub la aŭspicio de MONATO internacia magazino sendependa, Antwerpen/Augsburg

*Internacia redakcio sub gvido de*
*Stefan Maul, Thomas Bormann kaj Paul Peeraerts*

N-ro 6
sabato, 10 aŭgusto


## SENTEBLA MANKO DE ESPERANTO-INSTRUISTOJ

## Tago de la Lernejo: Kiel disvastigi E-instruadon?

**Mardon, la 6an de aŭgusto, de la 9a ĝis la 16a h okazis la 4an fojon tiu ĉi pedagogia programo. La ĉi-jara kadrotemo estis "Kiel disvastigi Esperanto-instruadon?"**

Post malfermo fare de B Ragnarsson kaj post salutvortoj de reprezentanto de la kultur-ministerio de Bavario, s-ro Luchner, sekvis 8 mallongaj raportoj pri la stato de E-instruado en diversaj landoj kaj kontinentoj, nome Afriko (Ruando), Ameriko (Usono), Azio (Ĉinio, Irano) kaj Eŭropo (Islando, FR Germanio, Hungario, Pollando). La raportojn oni prezentis laŭ unueca skizo. Evidentiĝis, ke la situacio de E-instruado estas pli ol diversa: en kelkaj partoj de la mondo oni eĉ ne scias pri Esperanto, en aliaj ĝi estas kvazaŭ privata afero, en aliaj la ŝtato forte apogas ĝin, en kelkaj la movado ne povas kontentigi la intereson de la lernemuloj.

**Sed preskaŭ ĉie la komuna problemo estas la manko de sufiĉe da Esperanto-instruistoj, fake altnivele edukitaj.**

En la programo estis antaŭviditaj 3 model-lecionoj, el inter kiuj realiĝis nur 1 fare de s-ino Stefanie Tucker, kiu sukcese prezentis, kiel apliki Esperanton en instruado de geografio.

B. Ragnarsson prelegforme prezentis, kiel instrui poezion (analizi poemon) en kurso por lingve evoluintaj piensaĝuloj.

La 3a model-leciono pri gimnastiko - pro organizaj kialoj - bedaŭrinde forfalis. La partoprenantoj prave riproĉis pro tio.

Diskuto sekvis prelegojn kaj lecionojn. Pluraj instruistoj pledas por organizi internacian someran lernejon por geknaboj, laŭeble dum UK-oj aŭ proksime al UK.

Pluraj demandoj venis pri serioza centra organizo de korespondа servo por lernejanoj kaj pri facile akirebla kaj bone uzebla infan-revuo (eble redaktota kaj produktota fare de infanoj).

La unuan fojon okazis, ke la tuta estraro de ILEI partoprenis la Tagon de la Lernejo kun informa kontribuo de ĝia nova prezidanto, profesoro d-ro I. Szerdahelyi, kiu - en la nomo de la ligo - deklaris pretecon strikte kunlabori kun UEA, precipe kun ĝia eduka komisiono. Tiuritate li jam havis plurajn laborkunsidojn kun s-ro Ragnarsson, kiu kun ĝojo akceptas komunan plenumon de instruaj/edukaj taskoj.

La interesiĝo pri la Tago de la Lernejo estis m u l t e m a l p l i g r a n d a ol en Antverpeno kaj Budapeŝto. Partoprenis ĝin ĉ. 150 personoj. Probable estus inde en la estonteco anticipe enketi, kiuj temoj plej interesas la kongresanojn, instruistojn kaj kursgvidantojn.

Z. Barcsay

### Ege sukcesa IKU-sesio

De la ĉi-jare antaŭviditaj 10 prelegoj de la Internacia Kongresa Universitato (IKU) nur unu ne okazis pro la bedaŭrinda forresto de prof. Isaev. Anstataŭ li podia diskuto, gvidata de d-ro Maitzen okazis pri la antaŭvidita temo: dulingveco.

La ĉ. 120 sidlokoj de salono Wingen preskaŭ ĉiam estis okupitaj kaj multaj stare devis sekvi la prelegojn. Dufoje eĉ devis okazi alisaloniĝo pro la multe tro granda amaso da interesitaj aŭskultantoj, nome ĉe la prilumo de la lingvaj fontoj de Esperanto fare de prof. Eichner kaj kiam prof. Tonkin konfrontis antikvon kaj modernon en la literaturo.

La prelegoj estis ĉiam altnivelaj, kaj lingve, kaj enhave. Estus malfacile elstarigi unu, du aŭ tri prelegojn. Tamen menciindas aparte vigla prelego, nome tiu de d-ro Wandel, la plej juna preleginto kiu traktis pri la universo ekde ties praeksplodo.

Petieteron al la ministro pri eksterlandaj aferoj de FRGermanio (membro de la Patrona Komitato de l' UK) subskribis ĉ. 100 partoprenantoj de IKU el ĉiuj landoj de l' Eŭropa Komunumo. Ili petis, ne tuŝi la ĝisnunan egalrajtecon de la oficialaj lingvoj de la EK-landoj, kiel antaŭvidite en la Traktato de Romo, sed antaŭvidi plifaciligon de la estonta komunikado per subteno de la sciencaj kiopodoj koncernaj, precipe de la kontribuo de la interlingvistiko al aŭtomata tradukado kaj al la scienco-cela uzado de la Internacia Lingvo.

La IKU-prelegoj, kiuj estos publikigitaj ĉu kopie haveblaj de UEA, konsistigas gravan kontribuon al la evoluigo de la internacilingva faktерminaro.

## AKTUALE

**Vetero:** atendas nin sufiĉe somera semajnfino kun iom da pluvo.

**Sudafriko:** La tumultoj en la regiono de Durban daŭras kaj igis intertempe jam morti 55 homojn; ĉ. 400 homoj grave vundiĝis. Batalis inter si nigruloj, hinddevenaj loĝantoj kaj soldatoj.

**Togo:** Papo Johano Paŭlo 2a dum la unua etapo de sia vojaĝo tra sep afrikaj landoj akceptiĝis hieraŭ entuziasme en Togo. Li renkontiĝos en Afriko ankaŭ kun pastroj de natur-religioj.

******************************

**Urĝa peto al fotografoj**

Ni petas tiujn kongresanojn, kiuj fotis la prezenton de la **Aŭgsburga Kretocirklo**, rapide sendi fotojn al la redaktoro de MONATO (S. Maul, Pferseer Str. 15, A-8900 Augsburg). Dankon!

******************************

IJK en 1986 en Israelo

Inter la 14-a kaj 21-a de aŭgusto 1986 TEJO kongresos en Neŭrim en Israelo ĉe la mediteranea marbordo. Eblos ankoraŭ aliĝi ĉe la TEJO-budo.

Dum la jubilea jaro, en 1987, la IJK okazos en Krakovo, Pollando.

### Ekskursintoj dankas

Alvenis ĉe LA STROBILO multaj dank esprimoj pri la tuttagaj kaj aliaj ekskursoj, organizitaj de **Stefanie Tucker**; ĉiuj okazis sen panoj kaj akcidentoj. Aparte sukcesaj evidente estis la ekskursoj al la norda regiono, kies partoprenantoj ĉe la fino eĉ ĝuis folkloran programon. Domaĝe, ke en LA STROBILO mankas spaco por detalaj raportoj.

Entute estis 35 busoj kun ĉ. 1800 partoprenintoj. En kelkaj ekskursoj salutis urbestroj kaj intervjuis ĵurnalistoj. Danke al la de s-ino Tucker bone preparita materialo kaj la kapablaj ĉiĉeronoj ĉio bonege funkciis.

### Realigita utopio

La publika prezento de Esperanto ne nur svingigis la spektantojn sur la urbocoma placo, sed fakte instigis kelkajn homojn tuj lerni Esperanton. La plej konvinka eldiro de ĉeestintoj estis, ke ili tiom forte sentis la etoson de la interpopola kompreniĝo kaj amikeco, ke oni rajtas nomi ĝin "realigita utopio".

Ni uzu la internacian lingvon kiel eble plej ofte, por ke tiu realigo de utopio daŭru pli longe ol la kongresa semajno kaj disvastiĝu tra tuta la mondo.

Jomo






*La 70a UK en Augsburg - ankaŭ pro la ligiteco al la 2000jara jubileo de la urbo - sendube restos en bona memoro de la pli ol 2300 kongresanoj. Jen la kongresejo kun kelkaj gravaj personoj de ĉi tiu UK (de maldekstre): LKK-prezidanto Röll, la UEA-estrarano Umeda (respondeca pri la paroltago), prezidanto Maertens kaj ĉefurbestro Breuer kun la festparolinto Tonkin.*

## FAVORA OFERTO LOGIS AMASE JUNULOJN AL LA UK

**Granda parto de la partoprenintoj de la Internacia Junulara Kongreso (IJK) en Eringerfeld vojaĝis suden al Augsburg, 35 eĉ per biciklo.**

Logis interesa oferto: senkosta partopreno en la programo de la UK por IJK anoj kaj mal multekosta tranoktebleco en la lernejo tuj apud la kongresejo. La sukceso praviqis la klopodojn, interesigi gejunulojn por UK: la 170 litoj en la lernejo ne sufiĉis por ĉiuj venintoj. Tamen la organizantoj sub gvido de **Michael Scherm** ĉiam trovis iun solvon.

Oni eĉ ofertis favorprezajn varmajn manĝojn. Ne nur gejunuloj ĝojis pri la bona ebleco zorge trakti la malabundan vojaĝ-kason; ankaŭ multaj "ordinaraj" kongresanoj uzis la eblecon kaj malkovris per tio la buntan aron en la lernejo.

Krom la riĉa kongresa programo la gejunulojn atendis speciala] "jun-eroj"; ŝerca serĉpromenado tra Augsburg ne nur instruis pri la graveco de supersignoj en Esperanto, sed igis la 50 konkurantojn malkovri la urbon. Ekskurso al la koncentrejo Dachau celis pensigi pri la teruraj okazintaĵoj sub la Hitler-reĝimo. Okazis aranĝoj "TEJO sin prezentas" kaj junulara forumo, kiujn kongresanoj de ĉiuj aĝoj vigle partoprenis. Kvankam klopodo eldoni numeron de speciala junulara kongresa gazeto ne realiĝis, la partoprenantoj en seminario tamen profitis de multaj konsiloj pri gazetfarado. Vizito al la redakteje kaj presejo de Augsburger Allgemeine interesigis ilin.

Je la ĵaŭda vespero 350 UK-anoj ĝuis junularan vesperon, relative spontanee organizitan post kiam la origina junulara vespero je fundo apenaŭ efektiviĝis. Lertaj junularaj kantistoj prezentis altrivelajn muzikaĵojn, la ĉeestantaro ofte kunkantis kaj fine eblis spekti skeĉojn. Post la vespero la vigla programo daŭris en la kelo de la lernejo, kiun oni tuj baptis "Holiday Out". Oni dancadis en ankaŭ spontanee organizita diskoteko, kiu nur ĉesis post la 4-a horo matene. Pro la bona sukceso tiu diskoteko denove okazis pasintnokte. Jen la vigla etoso de la Internacia Junulara Kongreso ankaŭ aperis en Augsburg.

Resume la junularo danke bonvenigis la eblecon partopreni en UK sen tro da financa ŝarĝo. La UK ne nur estas unika eblecc kunigi homojn el plej diversaj fonoj lingvaj, naciaj kaj kulturaj, sed ankaŭ de diversaj aĝoj. Tio estas des pli grava, ĉar ĝi garantias la generacian kontinuecon de la Esperanto movado kaj helpas solvi la orientiĝon de la mezaĝa "intergeneracio". Pro tio ankoraŭ pli forta partopreno kaj integriĝo de junaj esperantistoj en la UK estas dezirinda.

Espereble la pli maljunaj kongresanoj opinias same, por ke la modelo de Augsburg kiel "junulara UK" ripetiĝu. Multaj junuloj esperas, ke en ankaŭ en Pekino eblos kunloĝi en tia "amasloĝejo", ekzemple en lernejo aŭ en gimnastikejo sur matracoj. Pri tio speciale ĝojus la junuloj, ĉar ili kutime ne havas tiom da mono.

---

Esperanto-domo
YU-79265 Gornja Sanica
invitas vin de 15a de aŭg ĝis 17a de sep 1985 al
**rekonstruo de la domo >**
laboreti, manĝegi, propagandi.

*

Esperanto-domo
Dreifert Rosi, Burgstr. 1,
Husen, D-4791 Lichtenau
tel. 052921737
Nepre antaŭe telefonu!

---

El la komitato de UEA:

### Du novaj kunlaborantaj asocioj

La komitato de UEA ŝvite laboras. La vendreda plenkunsido tamen komenciĝis per eta solenaĵo: d-ro Imre Pethes, prezidanto de Mondpaca Esperantista Movado, transdonis honoran insignon de MEM al G. Maertens, H. Tonkin kaj R. Corsetti.

La financoj de la Asocio postulis multe da tempo en la kunsidoj, ĉar la pasintjara deficito kompreneble maltrankviligis la komitatanojn, same kiel la antaŭvidita deficito ĉijare. La komitato akceptis la spezokonton kaj bilancon de 1984, sed la buĝeto 1986 atendas la sabatan kunsidon. Kun kontento la Komitato konstatis tre pozitivan financan rezulton de la Universalaj Kongresoj en Budapeŝto kaj Vankuvero kaj akceptis iliajn kontojn.

UEA havas nun du pliajn kunlaborantajn fakajn asociojn, ĉar la Komitato akceptis kiel tiajn la Esperanto-Propagandan Centron de Oomoto (en la kategorio neneŭtrala) kaj Filozofian Asocion Tutmondan. Estis pritraktita ankaŭ la peto de Monda Turismo fariĝi aliĝinta faka asocio de UEA. La decido tamen estis prokrastita kaj Monda Turismo restas kunlaboranta asocio.

### Verdula agado por Esperanto

Asocio de Verduloj Esperantistoj (AVE) dum sia kunveno efike plifirmigis sian bazon. Oni decidis prepari inform-foliojn nacilingvajn kaj en Esperanto. La 25 germanaj esperantistaj verduloj estas surfoje al propra laborgrupo en la partio "Die Grünen", kiu – subvenciata de la partio – starigos lingvokursojn por partianoj. Komisiono de ĉi tiu laborgrupo ellaboros precizajn eldiraĵojn pri la pontecaj trajtaroj de la pontolingvo Esperanto kaj la pontoscienco ekologio. Vendrede AVE prezentis dum trihora preleg-serio la ekologian argumentadon por pliampleksigo de la UEA-statuto per ekologia amendo; ĉ. 45 ĉeestantoj bone akceptis ĉi tiun neformalan informadon.



*Pro la grandioza sukceso de l' unua prezentado, Bulgara Esperanto-Teatro duan fojon prezentis la "Kretucirklon" ĵaŭde. Sur la foto juĝisto Dollinger kun la vera patrino.*

> ATENTU:
> Dum la marda kunveno oni disdonis liston de la **Eŭropa Parlamenta Esperanto-Grupo**, en kiu bedaŭrinde estis du eraretoj. Bonvolu korekti la du lastajn antaŭnomojn. La ĝusta versio estas: Pisoni, **Nino** kaj Novelli, **Diego**.

### Bibliotekistoj

Pro neĉeesto de la organizanto s-ro King (Britio), la kunvenintaj bibliotekistoj kaj interesatoj (ĉ. 20 personoj) decidis peti lin, sendi al ili la proponojn. Krome helpos bulteneto, provizore prizorgata de R. Moerbeek (k. n-ro 203).

### Kvakeroj

La Kvakera Esperantista Societo kunvenis por aŭskulti paroladon de Frank Sharman pri la kvakera vidpunkto kaj kiel ĝi kondukas al laboro por interhoma komoreno kaj paco. Sekvis diskuto sub gvido de Sally Phillips kaj la aranĝi finiĝis en mallonga silenta adorkunveno.

### Sukcesaj Cseh-aranĝoj

La Cseh-kurson por komencantoj partoprenis komence 17 personoj el 11 landoj, sed ĉe la fino estis 35 el 14 landoj. Do ripetiĝis la konata fenomeno de duobliĝo, kiu konfirmas, ke Cseh-metoda instruado daŭre alportas bonajn rezultojn. La kurson profesi-nivele gvidis Stefano Keller.

La Cseh-seminarion partoprenis 23 personoj el 16 landoj. La seminarianoj konatiĝis kun la moderna Cseh-metodo, kiun praktikas precipe Kultura Centro Esperantista en Svislando.

**Tutlastaj aliĝoj**
2310 **Dobrzynski, S-ro Roman**, Majdańska 13/91, 04-088 Warszawa, Pollando.
2311 **Pulver, s-ro Norbert**, Leipziger Str.1, D-6369 Schöneck, FRGerman.

Korekto
La adreso de s-ro Stanislavo Stolc estas: Sarbsk 17, 84-352 Wicko.

### FAT prosperas

Filozofia Asocio Tutmonda (FAT) ja arigas nur ĉirkaŭ dek profesiajn filozofojn-esperantistojn, sed kunlaboras krome plia cento da interesitoj.

Dum la aŭgsburga kunveno oni emfazis, ke la celo de la asocio estas krei filozofian literaturon en Esperanto. Tri tradukoj de klasikuloj kaj tri originalaj verkoj jam aperis.

Venontjare okazos simpozio de FAT en Ateno kaj kadre de la UK en Pekino.

### Rendevuu kun astronomio

La IKU-prelego de d-ro Amri Wandel pri astronomio estas havebla ĉe la rendevua giĉeto.

### Fervojistoj vizitis ekspozicion en Nurenbergo

Kontaktkunvenon de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) sub gvido de Joachim Gießner ĉeestis 67 personoj el 17 landoj. Gießner menciis, ke la fervojista stando en la kongresejo multe helpas kaj al la kongresanoj kaj al la stacidomaj giĉetoj, ĉar centojn da informpetoj kaj mendoj oni ordigis en la oficiala DB-stando.

Inĝ. I. Gulyás raportis pri la 37a IFEF-kongreso en Vejle kaj emfazis la fakan laboron. G. Ritterspach per diapozitivoj informis pri la vizitota ekspozicio de 150jara DB en Nürnberg. Trajne la partoprenanto veturis tien kaj spektis ege interesan krozadon de 150jara evoluo de DB – per bildoj, lokomotivoj, vagonoj, modeloj, eĉ de historiaj personoj – kaj rigardon en la estontecon.

> LA STROBILO
> **adiaŭas kaj dankas**
> La internacia redakta teamo de la kongresa kuriero esperas, ke por ĝiaj modestaj rimedoj ĝi tamen povis kontentigi viajn bezonojn.
> Ni dankas al la multaj ne nomitaj kunlaborantoj, raportantoj kaj helpantoj.
> Ni ĝojos, se vi postkongrese komunikus viajn kritikojn al la adreso de S. Maul aŭ tiu de LKK.